# REGO

## ☆ RUSIA ESPERANTO-GAZETO ☆

***movada revuo en kunlaboro kun REU*** ***№ 4 (47) aŭgusto 2008***



**en la numero**



***Moskvo, 2008***

# enhavo:






*la emblemo de IET*

*La foto en la unua kovrilpaĝo estas farita de Jekaterina Zamislova dum IET.*


# REGo
## (Rusia Esperanto-Gazeto)

*№ 4 (47) aŭgusto 2008*

*aperadas ekde 2000*

*redaktas* **Garik Kokolija**
*kunredaktas* **Viktor Aroloviĉ**
*kunlaboras* **Maksim Griŝin**

*materialoj de REGo povas esti represataj, kondiĉe ke la tekstoj restos senŝanĝaj kaj estos indikita la fonto*

*poŝta adreso:* Pjatnickoje ŝosse 45 – 105
125310 Moskvo, Rusio
*retadreso* <gazeto@mail.ru>

***abontarifoj por 2008:***

*por loĝantoj de Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ – 250 rubloj sendendaj al:*
Коколия Георгий Владимирович
Пятницкое шоссе 45 – 105
125310 Москва

*por loĝantoj de aliaj landoj – 20 eŭroj pagendaj al la konto* ***kklg-r*** *ĉe UEA*

# TIĤVINANOJ DENOVE ELURBIĜIS



Tiĥvina Esperanto-klubo dum jardekoj posedas nemalhaveblan tradicion fini ĉiun vican agadsezonon per amasa elurbiĝo-enarbariĝo, okazanta kutime en iu el la unuaj juniaj tagoj. Ĉi-jare pro diversaj kaŭzoj la elurbiĝo okazis iom pli malfrue – la 12-an de junio.

La konifera arbaro apud Tiĥvin amike akceptis 19 tiĥvinanojn diversaĝajn (inkluzive melhundon Goŝa) plus unu gaston – esperantiston el Francio, s-ron Remy Bouchet. Se konsideri, ke ĉi-jara somero en la tuta regiono estas ekstreme pluvoriĉa, eblas forgesi la nelongan pluveton, okazintan posttagmeze, kaj purkonscience diri ke la naturo donacis al la tiĥvinanoj bonan sunoplenan tagon.

Programo de la elurbiĝo estis same pli-malpli tradicia: ludoj, dancoj, kantado, babilado kaj, kompreneble, elstare bongustaj ŝaŝlikoj kun iom da vino. Endas emfazi, ke la franca gasto aktive partoprenis ĉiujn programerojn, profitinte ruslingvan kantopaŭzon por iom dormeti. Ne necesas diri banalan frazon: "La elurbiĝo bone amikigis la klubanojn". Plejmulto de la partoprenintoj estas delonge kaj firmege amikiĝintaj. Sed ankaŭ novicoj (inkluzive la melhundon Goŝa) ne sentis sin fremduloj en la kompanio.



Sed ja necesas diri, ke tiu tradicia kluba aranĝo sendube estas unu el gravaj eroj, kiuj logas homojn en la klubon.

***Mikaelo Bronŝtejn***
***(Tiĥvin)***

# Aventuroj de Zamenhof dum IET



*kun Eroŝenko dum prezento de la bustoj*



*kun Eroŝenko kaj Anĵela Belenko*



*kun Garik Kokolija*



*kun Jevgenija Slovaĉevskaja*



*ripozo antaŭ la subakviĝo*



## RAPORTO PRI IET-1

**Preparoj**

Preparo de la aranĝo estis tre streĉa, rabis multajn fortojn kaj tempon en periodo, ne konvena por mi pro la sanstato. Antaŭ ĉio mi volas diri, ke sen helpo de Anĵela Belenko, kiu ĉiam apudis, mi ne sukcesus antaŭprepari la tendaron. Kaj, certe, Andreo Grigorjevskij estis la grava kunorganizanto.

Rakonton pri IET (Internaciaj Esperanto-tagnoktoj) verŝajne indas komenci de la pasintjaraj eventoj, kiam en RET-07 dum konversacio inter mi kaj Andreo naskiĝis kaj estis pridiskutita la ideo pri komuna ukrainia-rusia E-aranĝo en Krimeo.

Reveninte hejmen, mi okupiĝis pri "Velura sezono" kaj post ĝi komencis serĉi lokon por IET-1. Tio postulis monatojn. Rezulte fine de la jaro estis elektita tre malmultekosta bazejo "Raketa" en Tarĥankut, kie oni postulis nur 10-procentan antaŭpagon. Kaj la jaltanoj, kiuj partoprenis novjarajn IS-on en Germanio kaj Ago-semajnon en Pollando, informis eksterlandanojn pri IET. Post tiam venis vico de Andreo insiste labori – prepari la retejon kaj koloran paperan informilon. La informiloj estis dissenditaj al rusiaj esperantistoj, kaj komencis veni la kotizoj.

Tarĥankut estas unu el la lastaj ne kripligitaj per civilizacio anguletoj de krimea naturo. Ĝi estas kvazaŭ limo de du mondoj: sunbruligita ŝtonoza stepo, kiu abrupte finiĝas je krutaj rokoj, kaj diafane-smeralda maro kun grotoj kaj golfetoj, en kiuj mara fundo videblas je 14 metroj. En unu el ili je profundo de 12 metroj troviĝas unika subakva muzeo. Ĝia ideo apartenas al Vladimir Borumenskij, akvalangisto el Doneck, kiu en 1992 fiksis buston de Lenin inter la subakvaj rokoj. La ideo tiel plaĉis, ke al li aliĝis amaso de akvalangistoj el aliaj urboj, kiuj komencis serĉi kaj subakvigi bustojn. Tiel aperis "Aleo de bolŝevikoj" kaj poste "Aleo de elstaraj homoj". Al Anĵela venis la ideo aranĝi en la muzeo Esperanto-aleon.

Dum la prepara periodo ni devis multe klopodi por kolekti fidindajn informojn pri la kvanto de partoprenontoj kaj mendenda kvanto de bezonataj lokoj, ja ni devis parte antaŭpagi ilin.

Alia malfacilaĵo dum la preparlaboro aperis, kiam evidentiĝis, ke Andreo ne sukcesos partopreni kaj Garik Kokolija venos, sed rifuzis gvidi la aranĝon. Ja mi



*Jefim Zajdman dum ekskurrso*

ne povis gvidi pro la sanstato. Ni proponis la gvidadon al Katja Arbekova el Novosibirsk, kiu havis sperton organizi E-renkontiĝojn. Ŝi konsentis, sed baldaŭ ni komprenis, ke kontaktoj kun ŝi malfacilas, ĉar ŝia retadreso plej ofte ne funkciis. Tial ni mem preparis provizoran programon kaj decidis, ke ŝi gvidos la tendaron surloke.

Nia ĉefa kluba turisto Slava Katin preparis emblemon de la aranĝo por la ŝildetoj kaj ĉemizoj. La ĉemizojn kaj suvenirojn preparis laŭ nia peto ĥarkovanoj – geedzoj Bojko.

Por la Esperanto-aleo ni ricevis permeson de la muzea estro kondiĉe, ke la aleon ekos ne malpli ol du bustoj. Kiel la unua, certe, estis tiu de Zamenhof. La dua busto, kiun ni elektis, estis tiu de la fama blinda Esperanto-verkisto kaj vojaĝanto Vasilij Eroŝenko, kies 100-jara jubileo okazis en 1990. Ĝin konsentis pripagi kieva Bonfara Fonduso “Espero” je nomo de V.Eroŝenko. Por fari la bustojn ni sukcesis trovi faman krimean skulptiston Sergeo Fjodorov, sed nur meze de junio. Li streĉe laboris kaj finfaris la bustojn nur 30-an de junio, kiam ni jam estis en Tarĥankut. Por la laboro li bezonis bonajn fotojn. Anĵela dum vizito al Odeso faris multajn fotojn de la Zamenhof-busto de odesa skulptisto-esperantisto Nikolaj Blaĵkov. Krome ni disponigis al li multajn fotojn de Zamenhof kaj Eroŝenko el E-gazetoj. La odesa busto de Zamenhof al li tute ne plaĉis. Sed kiam mi la unuan fojon ekvidis novan buston de ridetanta Zamenhof, mi ne povis deteni min de la renkonta rideto. La busto estis farita brile.

**La komenco**

Ni eljaltiĝis frumatene la 28-an de junio por “plidensigi” la ĉambrojn, sed evidentiĝis, ke la 1-an de julio aperos iom da aldonaj lokoj, ĉar iom da ripozantoj ne venos. Do la amasejoj ne plu estis bezonataj, ni vane fortimigis iujn per la informo, ke ne plu haveblas lokoj en ĉambroj. La 29-an neniuj esperantistoj venis. Ni speciale petis ĉiujn averti nin pri tempo de alveturo.

La 30-an ni atendis kelkajn, sed multaj alveturis senaverte. Aperis problemo, ĉar ankoraŭ ne forveturis la ripozantoj. Tial Katja kaj Anĵela devis enŝovi la alvenintojn en liberajn ĉambrojn, sed ne al tiuj, kiujn ili preferus, kaj poste transloĝigi ilin. Ankaŭ la 1-a



*Irek Bobrzak*

de julio estis koŝmara tago – estis longa vico por registriĝi, sed enloĝigi ĉiujn ni povis nur post transloĝigo de la venintaj la 30-an.

Dum la tendaro mi tute ne okupiĝis pri la loĝado kaj manĝado de partoprenantoj, ĉar ne rajtis nervoziĝi post la operacio. Ekde tiu tempo mi okupiĝis nur pri apartaj programeroj.

**Pri la ekskursoj kaj bustoj**

La bazejestro, pasia adepto de Tarĥankut, invitis du interesajn prelegantojn pri Tarĥankut kaj tiea subakva mondo. Krome okazis busaj ekskursoj al Ĉernomorskij, Eŭpatorio, Ĝangul, Atleŝ.

La 2-an de julio okazis prezento de la bonfara fonduso "Espero". Ĉeestis prezidanto de la fonduso Eŭgeno Kovtonjuk, ĝia direktoro verkisto Vladislav Taranjuk kaj eldonisto Niko Voloŝin. Ili rakontis pri Eroŝenko kaj agado de la fonduso: estis eldonitaj markoj, kovertoj, medalo pri Eroŝenko kaj liaj libroj, laŭ iniciato de la fonduso steleto en la konstelacio Virgulino ricevis la nomon de Eroŝenko. Poste okazis solena demonstro de la bustoj kaj fotado ĉe ili. Fotiĝis ĉiuj, Garik eĉ tenis ĉi-cele la buston de Zamenhof en la manoj malgraŭ la 20-kilograma pezo.


*Arsen Sepiĥanov denove ĉarmis ĉiujn per sia violono*

Sekvatage okazis busa ekskurso al distrikta centro Ĉernomorskij, kie antaŭnelonge aperis ripozejo "Espero". Invitis nin tien Eŭgeno Kovtonjuk. Ni vizitis etnografian muzeon, kie eksciis multon pri Tarĥankut, kaj poste tagmanĝis en "Espero". Por tiuj, kiuj ne partoprenis la ekskurson, Katja organizis promenon al turo – signo de la plej okcidenta parto de Krimeo. Ĝuste post tiu ĉi promeno malaperis odesano Oleg Ĥaritonov, sed pri tio mi rakontos poste en aparta artikolo surbaze de rememoroj de la atestantoj.

Livero de la bustoj al la subakva muzeo, kiun filmis respublika televido, okazis dum ekskurso al Granda Atleŝ la 8-an de julio. Atleŝ estas aro de pitoreskaj 40-metraj ĉebordaj kalkŝtonaj masivoj kun kavernoj kaj grotoj, en kies regiono situas akvalangista klubo kaj la subakva muzeo. Nia klubo bonŝancis, ĉar ĉi-jare la lingvon komencis lerni Maks Galiĉin, sperta akvalangisto. Tial la bustojn povis surlokigi esperantisto. Certe ne sola, sed je akompano de kelkaj akvalangistoj, gvidataj de la sportmajstro Irina Petrova. La esperantistoj spektis la procedon de sur la bordo. La bustoj estis liveritaj al speciala breto en la muzeo, kie fine de la aŭgusto oni fiksos ilin al ŝtonaj platoj. Ĉi-cele Maks denove veturos al Tarĥankut kun kelkaj aliaj klubanoj. Sed la dato de oficiale registrita inaŭguro de la Esperanto-aleo estas 8-a de julio. Maks diris, ke kompare kun aliaj bustoj la niaj aspektas tre impone.




*naĝado ĉe Atleŝ*

**La programo**

La tendaron partoprenis sufiĉe multe da aktivuloj, muzikistoj kaj interesaj personoj por fari la programon riĉa (kvankam ne senmanka). Inter la eksterlandaj gastoj estis unu el la plej aktivaj polaj esperantistoj, organizanto de junularaj E-tendaroj Irek Bobrzak kaj germano Andi Münchow, organizanto de E-tendaro Mielo en Hungario. Ili konstante fotis, filmis, intervjuis. Estis ankaŭ komencantoj el Francio – geedza paro Robert Combes kaj Gisèle Berger, kiuj aktivis en la aranĝo kaj insiste studis la lingvon. La plej aĝa partoprenanto estis 85-jara norvego Snorre Benum, sperta esperantisto. Ni ne forgesu pri Otmar kaj Jelena Liebhart el Aŭstrio, novgeedzoj, kies geedza festo okazis en Jalta, ĉar Jelena estis nia klubanino. Dum la aranĝo ofte violonludis Arsen Sepiĥanov el Dagestan, ĉarma 10-jara knabo, bone parolanta Esperante. Nu, pri Sergeo Straŝnenko el Latvio mi eĉ ne skribu, ĉar li estis kaj restas la "nia".

Prezento de la fonduso kaj inaŭguro de Esperanta aleo certe estis la ĉefaj programeroj. Sed okazis ankaŭ E-kursoj, instruado de E-kantoj (M.Povorin), ukraina vespero, krimea vespero, koncertoj, teatra koncerto, somera universitato, libroservo kaj infana programo.

En la organiza teamo la dekstra mano de Katja Arbekova estis Anĵela Belenko, Zoja Adler (la patrino de Katja) akceptis plendojn, pretendojn kaj dezirojn de la partoprenantoj rilate la loĝkondiĉojn. Pri E-kursoj respondecis Jevgenija Slovaĉevskaja, pri kultura programo – Mikaelo Lineckij, pri ekskursoj – Irina Gerasimova, Nina Zueva helpis ĉe la manĝejo, Sergej Vaĵinskij – pri lignofajro, mi – pri prezento de la fonduso, ekskurso al Ĉernomorskij, Esperanto-aleo, krimea vespero, teatra horo, televido.

La kurson por novuloj gvidis Slovaĉevskaja, por komencintoj – Anĵela, instruajn ludojn – Lineckij, mnemonikan kurson – Lusi Rimon el Israelo. Ĉiuj ili avertis pri tiuj ĉi kontribuoj en la aliĝlisto. Sed estis ankaŭ spontaneaj programeroj: Fabelterapio (Slovaĉevskaja), plibonigo de vidpovo (Valerija Cvetkova), instruado de Esperanto laŭ la kanto "Grizeta kaprido" (Irina Mironova). Mi ne memoras, kiuj prelegis pri spira gimnastiko kaj plibonigo de memorkapablo.

Porinfanan programon preparis Anĵela, gvidis Toma Fedjaj. Irina Mironova instruis al infanoj dancojn. Granda baseno centre de la korto tre taŭgis por infanoj kaj iliaj ludoj. Multaj gepatroj fine de la tendaro diris, ke volonte venus sekvajare al

“Raketa”.

Ukraina vespero estis riĉenhava kaj sprita, kievanoj Natalja Ivanova, Lineckij, Slovaĉevskaja inspiris multajn tendaranojn el diversaj landoj kunorganizi ĝin – dum la vespero vere “ni kunis”. Ankaŭ la krimea vespero pasis bone. Ni kunprenis 10 litrojn de tri la plej bonaj massandraj vinoj kaj komencis la vesperon per vingustumado. Kelkajn kantojn plenumis jaltano Vladimir Menjajlo kaj eksa eŭpatoriano S.Bondarkov, plenkoncertis la “ora voĉo” Pavel Moĵajev.

Krome okazis koncertoj de Mikaelo Povorin, Jelena Melnikova, Aleksandr Ĥrustaljov kun Tatjana Orjol kaj koncerto de forgesitaj kantoj memore al la mortinta ĉi-jare E-kantisto, bardo Leonid Borisov el apudmoskva urbo Kolomna, kiu en la 60-aj – 80-aj jaroj estis tre populara en E-tendaroj. Aleksej Borodin ofte plezurigis la tendaranojn per diverslingvaj kantoj ĉe lignofajro kaj en kafejo. Irina Romanova el Ĉeboksari bone gvidis gajajn dancojn, Anĵela – matenan gimnastikon.

En la bazejo estis du lokoj, kie staris tendoj, en kiuj loĝis dekoj da gejunuloj. Sed pri la junulara programo komence neniu okupiĝis. Baldaŭ la junularo komprenis tion kaj mem ekaktivis – komencis malfruvespere ludi “Homlupojn” (plejparte en la rusa). Mi organizis por ili renkontiĝon – rakontis pri esperantistoj-mondvojaĝantoj. Poste pri siaj vojaĝoj rakontis BEMI-anoj Anatolij Krasnokutskij kaj Ilja Ĉugunkin, post ili – Irina Gerasimova.



*junularo ĉiunokte ludis “Homlupojn”, fojfoje eĉ en E-o*

Okazis jenaj prelegoj en la somera universitato:

– de I.Bobrzak pri internaciaj E-aranĝoj (filmetoj) kaj intervjuoj kun E-muzikistoj;

– de V.Melnikov pri E-literaturo;

– de V.Bespalov pri komunismo;

– de A.Ivasenko pri esoterismo;

– de V.Minin pri persekutoj de esperantistoj en Rusio;

– de M.Lineckij pri E-reklamo kaj pri komerco;

– de J.Plusnin pri labirintoj kaj magioj;

– de L.Rimon pri mnemoniko.

Multajn tre impresis la teatra koncerto. Pri ĝi iom pli detale.

En Jalta ĉi-jare eklernis Esperanton profesia reĝisorino Svetlana Kravcova. Ŝin ni trovis post pasintjara malsukcesa provo krei Esperanto-studion ĉe la klubo gvide


tradicia Amika Rondo

de simferopola reĝisoro, kiu tion faris tro burokrate kaj rezulte, nenion finproduktinte dum jaro, perdis la studianojn. Mi venis al Svetlana kaj proponis traduki kelkajn ŝiajn scenigojn de Ĉeĥov-rakontoj. Mi klarigis, ke sufiĉas parkerigi la rolojn por vizitadi kun ni eksterlandajn E-aranĝojn. Sed ŝi flamiĝis kaj eklernis Esperanton. En la teatra vespero ŝi prezentis en Esperanto dupersonan scenigon de la "Longa lango", modernigitan de mi. Krome ni proponis al dezirantoj provi sin kiel aktorojn – partopreni dutagajn provludojn de alia fama Ĉeĥov-rakonto "Ĉevala familinomo". Tuj aperis dezirantoj, plej multe el Jelec, kaj la 6-an de julio la prezento okazis. La vesperon finis mi per originala ĝenro "Anekdotoj pri mi – forgesema".

Mi konsilas al esperantistoj serĉi en sia urbo similajn entuziasmajn teatrajn reĝisorojn. Ne en teatroj, ĉar tie reĝisoroj estas tre okupitaj, sed en kluboj, institutoj. Kaj allogi ilin per prezentoj en E-aranĝoj en sia lando kaj eksterlande.

En Jalta E-klubo ni planas prepari kelkajn scenigojn de Ĉeĥov-rakontoj por novjaraj E-aranĝoj en Germanio kaj/aŭ Slovakio.

Do, laŭ mia opinio, la unua ukrainia-rusia E-aranĝo sukcesis. Esperantistoj montris sin en avangardo de la frata interpopola amikeco. Kaj ni vere kunis.

***Jefim Zajdman, gvidanto de jalta E-klubo "Tero"***

## "FOLIOJ DE NIA MEMORO"

***(Uljanovskanoj pri IET-1)***

Kion vi ellernis dum E-kursoj?

***Ĵenja Muĥina:*** Dum E-kursoj mi ellernis du sufiksojn: -ig- kaj -iĝ-.

***Sergej Abramov:*** Mi eksciis pri la nova por mi metodo memorfiksi vortojn – mnemoniko, ekaŭdis multe da novaj, interesaj kantoj.

***Rita Karceva:*** Novajn kantojn, kiujn ni lernis kun Mikaelo Povorin. Al mi plaĉis "fabelterapio" de Jevgenija Slovaĉevskaja. Sed pli multe mi ricevis private dum niaj promenadoj kun Valeria Cvetkova. Ekzemple, ŝia skemo de participoj helpos min klarigi tiun temon dum E-kurso en nia klubo. Nun eĉ mi povas diferencigi la vortojn "amata" kaj "amanta". Krome, mi komencis lerni interjekciojn por ludoj, ekzemple "frap-frap". Do, ion mi tamen ellernis.

Ĉu vi partoprenis sportajn aranĝojn?

***Sergej:*** Jes! Mi partoprenis matenajn promenadojn, kaj post akvaj proceduroj

mi baniĝis en la maro. Mi ricevis viglecon por la tuta tago.

***Rita:*** Ili mankis bedaŭrinde. Nur saltado en ondoj estis mia ŝatata okupo.

***Jevgenija:*** Mi ne partoprenis sportajn aranĝojn. Nur unufoje mi gimnastikis matene.

*Ĉu vi enuis vespere?*

***Rita:*** Certe ne. Unue, vespere mi partoprenis diversajn aranĝojn, kiuj donis nur plezuron. Due, mi loĝis en la sama ĉambro kun Nina Djomuŝkina kai Irina Miljutenko. Ili ambaŭ gitarludis kaj kantis. Triope ni kantis popolajn ukrainajn kaj rusajn kantojn kaj nepre multajn kantojn esperantlingve. Ofte aliĝis Irina Romanova kaj ŝia bofilino Nataŝa. Ni ĉiuj ankaŭ kantis por Nikolaŝa, malgranda nepo de Irina, diversajn porinfanajn kanzonojn. Ĉiuvespere mi promenadis al la maro kaj aŭskultis bruon de ondofrapado. Mi ne havis tempon por enui.

***Sergej:*** Neniam mi enuis vespere. Interesaj aranĝoj kaj interesaj homoj ĉirkaŭ mi malebligis enui.

***Jevgenija:*** Mi ne enuis vespere, ĉar mi ludis "homlupojn". Nur lastatage mi enuis, ĉar miaj amikoj forveturis.

*Kiujn novajn ideojn vi volas proponi por la sekva renkontiĝo?*

***Sergej:*** Ĉiun matenan kunvenon aranĝi teatre kun plenumado de himno kaj hisado de flago. Tiu ĉi aranĝo estus sankta, tiam alvenus multe da homoj, kiel al la komuna fotado.



*la uljanovskanoj kun Katja Arbekova*

***Rita:*** Pli da sportaj aranĝoj por homoj en ĉiu aĝo (tabloteniso, volejbalo, badmintono, gajaj sportaj ludoj k.t.p.). Krome, poeziajn konkursojn aŭ vesperojn. Mi ankaŭ dezirus, ke solena malfermo kaj solena fermo estu vere solenaj.

***Jevgenija:*** Danc-instruadon kiel dum EoLA-20 en Ĉeboksari.

*Kio estis la plej hela impreso de nia renkontiĝo?*

***Sergej:*** Al mi plaĉis ludi teatran rolon. Mi pensas, ke nia teatraĵeto plaĉis al ĉiu partoprenanto kaj ĉiu spektanto.

***Rita:*** Agrable surprizis "Veĉernici".

***Jevgenija:*** La plej bona impreso de tiu renkontiĝo estis la koncerto de Paŭlo Moĵajev.

*Kio restos sur folioj de via memoro ĝis la sekva renkontiĝo?*

***Rita:*** Senlima ĝojo pro la renkontiĝo kun malnovaj geamikoj. Stelplena ĉielo, al kiu "algluîĝis luna disko". Gajaj dancoj kun Irina Romanova kaj komuna kan-



*Ni ĝojas! Ni kunas!*

tado kun Mikaelo Povorin (bedaŭrinde nur dufoje). Nova steleto inter bardoj – Aleksej Borodin, kiu savis la lastan lignofajron. “Veĉernici”. Konkorda familio (Kievo, Peterburgo, Tiĥvin, Uljanovsk) ĉe tablo en la manĝejo, kie ĉiam regis ŝercoj kaj rido. Ĉiutaga frumatena naĝado en bona kompanio. Spira gimnastiko, gvidita de Tatjana Glaznica. Lernado kun Valeria, kiu solvis miajn problemojn (participoj!). Privataj babiladoj. Saviga ombroplena laŭbo dum varmego. Promenado al Nigra maro. Eĉ pluvo!!!

***Sergej:*** Traflugaj tagoj de ĝojaj, gajaj renkontiĝoj, ridetantaj vizaĝoj de novaj kaj malnovaj geamikoj.

***Jevgenija:*** Rokplenaj bordoj, maro, noktaj babiladoj, konatiĝo kun alilandanoj, renkontiĝo kun malnovaj geamikoj...

***Margarita Karceva (Uljanovsk)***

## TENDARO, ARBARO... NE: STEPO KAJ MARO!

Lastatempe en niaj tendaroj aperis nova tendenco. Oni aranĝas ilin ne en arbaraj kondiĉoj, sed en apudmaraj ripozejoj. Eblas diskuti, ĉu tio bonas. Unuflanke, perdiĝas la romantika etoso (loĝi en tendo ktp). Aliflanke, apud maro estas pli agrable. Mi povas konfesi, ke ĉi-lasta eblo imponas al mi. Certe, tio havas ankaŭ malavantaĝon. Al tia tendaro volonte venas tutaj familioj kaj simple dezirantoj ripozi somere apud maro kontraŭ modera pago. Sed tute ne ĉiuj el la venantoj bone posedas la lingvon. Pasintjare en Primorsko-Aĥtarsk mi amare trompiĝis, esperante, ke mia fileto-denaskulo havos tie lingvan praktikon. Ĝin li preskaŭ tute ne havis, kaj ĉi-jare, estante jam sperta, mi eĉ ne provis kunpreni lin...

Ĝenerale, IET ĉi-jare estis tendaro tre ripoziga. La programo estis ne tre streĉa, estis multe da libera tempo por naĝi. Estas nur bedaŭrinde, ke la bazejo havas nenian plaĝon kaj eĉ ne situas vere ĉe la mara bordo (oni devis iom paŝi ĝis la maro). Kaj naĝi en senplaĝa loko estas malagrable kaj eĉ danĝere. Cetere, la naturo ne favoris nin, kaj en la unua duono de la tendaro la akvo estis neatendite malvarma. (Julie, en Krimeo!) Oni klarigis, ke kulpas iu fluo, kiu alportis malvarman akvon. Sed poste la akvo rapide varmiĝis, kaj dezirantoj povis finfine satnaĝi.

Ankoraŭ unu nuanco neatendita por mi. Mi neniam partoprenis tendaron, en kiu oni proponis kvar ekskursojn en diversaj tagoj: ekskursa tago, poste senekskursa, denove ekskursa ktp. Mi partoprenis ĉiujn kvar kaj ne bedaŭras. Pleje impresis min la hotelo “Espero”, kiun kreis kievaj entreprenistoj. Laŭaserte, ĝi pretendas fariĝi la

dua Grezijono. Ni vidos, ĉu tio okazos. Sed dume endas helpi disvastigi la informon pri ĝia apero.

Al mi tre plaĉis prelegoj de Irek Bobrzak, ege entuziasma samideano, kiu gvidas radioelsendojn de "Varsovia vento". Aparte menciindas liaj intervjuoj, kiujn li prezentis per sia portebla komputilo. Oni povis aŭdi rakontojn de homoj el plej diversaj partoj de la mondo. La moderna tekniko donas vere allogajn eblojn!


*la jaltanoj en Dĵangul*

Mi kun timo atendis, ke oni preskaŭ ne kantos ĉe lignofajro. Tamen, eĉ malgraŭ tio ke la regiono estas stepa kaj mankas lignaĵoj, oni trovis solvon. Lignofajroj okazadis, kvankam ne tiom amase kiel antaŭe, sed oni multe krokodilis. Mi proponas al organizantoj de sekvaj tendaroj pli atenti tiun neoficialan noktan programeron. Ja ĝi tiom gravas por Esperanta etoso!

***Mikaelo Povorin (Moskvo)***

P.S. IET inspiris min por nova kanto, verkita kaj unue plenumita tie. Jen ĝi.

## Heliko sur mia manplato

*Muziko kaj vortoj de M.Povorin*

Heliko sur mia manplato –
Ne muŝ', ne skarabo, ne blato.
Ĝi milde tremetas,
Forlasi ĝin petas:
Pro timo, aŭ ĉu pro malsato?

Samkiel apude sur muro,
Surhaŭte jen glita mukspuro.
La manon ĝi tiklas,
Ĝi tute ne viglas.
Jen tia kreaĵ' de l' naturo.

Post pluv' en tendar' ĉio novas,
Helikoj sin ĉie elmovas.
Sed stri' de asfalto
Ne helpas al salto:
Ĝin ili transrampi nur povas.

Ĉi loko ja ege danĝeras:
Jen homo paŝanta aperas.

Nur krako malforta –
Helik' estas morta.
Sed li sen rimarki preteras.
Mi estas nun tre gajhumora.
Min kaptas savemo bonkora.
Besteto fragila,
Jen loko azila
De l' paŝoj minacaj pli fora.
Ni tiom helikojn similas…
Ni ofte kunvenas, babilas.
Ni sidas, ni multas,
Ni ĉiuj aŭskultas,
Ne hastas kaj ne maltrankvilas.
Kaj kiel heliko sur pado,
Tre lantas la verda movado.
Ni ofte naivas,
Ni pigras, pasivas,
Nin bremsas kverela debato.
Ĉu iu potenco supera
Kun sama helpemo sincera
Per movo amika
De mano fortika
Nin portos al cel' nia vera?



*Mikaelo Povorin*

## RET/OkSEJT EN 2009

La someran tendaron en 2009 invitis Tiĥvina E-klubo. Estas planate, ke la aranĝo(j) okazos fine de aŭgusto, proksimume la 17-an – la 25-an. Plej verŝajne la tendaro pasos ĉe Caricino ozero, kie antaŭe okazis OkSEJT en 1999, RET en 2004 kaj REK/EoLA en 2007. La Estraro de REU aprobis la inviton, kaj nun okazas preparado de la unua informletero, dissendota post relative nelonga tempo.

***Andrej Grigorjevskij (Ŝumerlja)***

## ARMENA SOMERO

Ekde la 8-a ĝis la 15-a de julio 2008 en Armenio okazis Esperanta renkontiĝo "Armena Somero", kiun Armena Esperanta Asocio planas organizi regule. La renkontiĝon partoprenis ĉirkaŭ 20 personoj, inter kiuj estis esperantistoj el Irano kaj ankaŭ armenoj, kiuj dum longa tempo aŭdis pri Esperanto kaj nun kun plezuro partoprenis la aranĝon, tuj poste espriminte deziron lerni Esperanton.

Programo de la renkontiĝo enhavis ekskursojn, vizitadon de armeniaj vidindaĵoj, vesperojn kun interkonatiĝo, rakontoj, Esperanta kantado. Estis promenado tra Erevan. Dum tri tagoj partoprenantoj ripozis en Stepanavan – pitoreska loko de Armenio, vidis armenajn antikvan arkitekturajn monumentojn.

***Levon Davtjan, prezidanto de AEA***

## UNIVERSALA KONGRESO APUD LA CENTRA OFICEJO

De la 19-a ĝis la 26-a de julio en Roterdamo okazis la vica 93-a Universala Kongreso de Esperanto. La urbo por ĉi kongreso estis elektita grandparte konsiderante tion, ke ĉi-jare UEA festas sian 100-jariĝon, kaj ĝuste Roterdamo fakte estas dum lastaj jardekoj la hejmurbo de UEA, ja tie troviĝas ĝia Centra Oficejo.

Pri la Centra Oficejo mi rakontos iom poste, dume – pri la kongreso mem. Al ĝi aliĝis 1845 personoj el 73 landoj, reale partoprenis (kiel ĉiam) iom malpli. La programo, kiel ĉiam, estis tre abunda kaj varia, konstante en diversaj salonoj okazis po kelkaj aranĝoj, ĉiu kongresano ofte devis fari malfacilan elekton inter kelkaj interesaj samtempaj kursoj, prelegoj, diskutoj, prezentoj, koncertoj. En la koridoroj, vestibloj, bufedejo, ĉe la giĉetoj konstante vagis dekoj da interesegaj personoj, eblis tute facile renkonti kaj paroli kun UEA-prezidanto, E-akademianoj, famaj E-verkistoj, konataj aktivuloj de la internacia kaj landaj E-movadoj.

La plej granda maloportunaĵo estis tio, ke la plej granda salono de la kongrescentro, kie okazis UK, povis enteni nur 850 personojn. Por ĉiuj aliaj kongresanoj, kiuj deziris spekti Inaŭguron, Fermon aŭ vesperajn koncertojn, estis aranĝita alia ejo, kie oni povis spekti ĉion ĉi per la televidekranoj. Pro tio, interalie, estis malĝentile ĉesigita la koncerto de Ĵomart, Nataŝa kaj Karina – la organizantoj devis liberigi la grandan salonon de la starantaj spektantoj, por kiuj ne sufiĉis la sidlokoj.


*en la Libroservo de UEA*

Se paroli pri la rezultoj de la kongreso, la plej interesaj por la rusianoj estas jenaj: la Estraro de UEA decidis, ke en 2010 UK okazos ne en Moskvo, sed en Havano; en la Belartaj Konkursoj de UEA Mikaelo Giŝpling ricevis la unuan premion en la branĉo “Poezio”, Lena Karpunina ricevis la unuan kaj trian premiojn en la branĉo “Prozo”. Pri kelkaj aliaj rezultoj de UK vi povas legi en la ĉi-numera “Bulteno de REU”.

Se paroli pri miaj personaj impresoj, necesas konfesi, ke nenion surprizan en UK mi trovis ĉi-foje. Ĉiujare la kongresoj proponas similan programon, ankaŭ la partoprenantoj grandparte estas la samaj. Tamen, malgraŭ tio, mi strebas partopreni en UK, se mi havas tiun eblecon. Ja estas interese kaj plezure unufoje dum jaro travivi sep tagojn en vera Esperantujo, en internacia medio sen tradukistoj kaj landlimoj. Krom la interesa komunikado kun multegaj interesaj personoj (la konataj antaŭe kaj la novkonataj), al mi plaĉis ĉi-foje la Movada Foiro, kiu okazis jam por la tria fojo kaj definitive pruvis sian utilecon, mi ĝuis la koncertojn de Ĵomart–Nataŝa–Karina kaj de JoMo. Interese por mi estis partopreni en la kongresa kvizo,




*tablo de REU dum la Movada Foiro*

en kiu mi rezulte okupis la trian lokon.

Tamen la plej interesa por mi estis vizito al la Centra Oficejo de UEA, kie mi neniam antaŭe estis. Okazis, ke la domo estas ne tiom granda, kiel oni povus imagi, legante raportojn pri la okazantaj tie Malfermaj Tagoj. Tamen nun, post la finiĝanta tie riparo, ĝi estas tre oportuna por funkciado de la UEA-stabejo kaj laboro de la oficistoj. La vizitoj de kongresanoj al CO estis speciale organizitaj, por ke oni ne venadu tien grandnombre en iu momento. En la kongresa giĉeto eblis anticipe preni specialan invitilon kun la indikitaj dato kaj horo por veni al CO. Ĉiuhore iu el la oficistoj renkontis ĉe la pordo grupeton da venintaj kongresanoj kaj ĉiĉerone gvidis ilin tra la Centra Oficejo. Por mi plej interese estis rigardi la Libroservon de UEA. Ĝi konsistas el la deponejo, kie kuŝas la librostokoj, kaj la ĉefa ejo, kiu estas granda teretaĝa ĉambro kun du fenestroj kaj tri muroj, de la planko ĝis la plafono kovritaj per la ŝtopitaj librobretoj (kaj ankoraŭ kelkaj bretaroj staras meze de la ĉambro). Ĉar mi helpis al Ionel Oneț (ĉefo de la Libroservo de UEA) en la kongresa libroservo, mi ricevis permeson post la oficiala ekskurso tra CO resti en la Libroservo kaj detale trarigardi ĉiujn librojn, mi speciale por tio venis al CO dum la ekskursa tago, kiam la kongresejo ne funkciis. Mi ĝenerale tre ŝatas librojn, tial eblas imagi mian plezuron traserĉi (per manoj, sed ne per reta katalogo) la sortimenton de la plej granda E-libroservo. Mi trovis kaj aĉetis tie kelkajn interesajn librojn, ekzemple la volumon, en kiu estis represitaj ĉiuj numeroj de la unua E-gazeto "La Esperantisto".



*Aleksandr kaj Tatjana Ŝljafer, Karina, Ĵomart kaj Nataŝa*

Finante la rakonton, mi ŝatus ankoraŭfoje emfazi, ke ĉefa utilo kaj plezuro de la Universalaj Kongresoj estas senĝena interkomunikado de multaj centoj da personoj el preskaŭ ĉiuj anguloj de la Tero, kiam homoj ne sentas (lingvajn kaj aliajn) barojn inter si.

Ĝuste tie venas certeco ne kredi al propagandoj, kiuj asertas pri la malbonaj planoj de iuj landoj kontraŭ la aliaj. Ĝuste tie mi ĉiufoje denove komprenas kaj sentas, ke homoj estas samaj en ĉiuj landoj, kaj ili ne volas militi unu kontraŭ la alia.

***Garik Kokolija (Moskvo)***

## VOJAĜO TRA 12 LANDOJ

Preskaŭ duonjaron okupis sin Svetlana Smetanina, direktorino de Moskva Esperanto-Centro, per preparoj de somera busvojaĝo al Nederlando, kie okazis la 93-a Universala Kongreso de Esperanto. Ŝi frontis multajn organizajn kaj burokratajn problemojn, kiuj rabis fortojn kaj tempon, ĉar unue ŝi devis kolekti grupon, skizi itineron, fari necesajn kontraktojn kaj fine akiri por la grupo ŝengenajn vizojn, kiujn rusianoj bezonas por legitimi la restadon en Eŭropo. Sed ŝi ĉion superis.

La 14-an de julio la tuta grupo kolektiĝis ĉe la trajno veturonta ĝin al la belorusia limurbo Brest. La duontagan trajnveturon esperantistoj uzis por interkonatiĝoj, amikaj kontaktoj, rememoroj kaj babiladoj. Post la limtransiro en la pola urbeto Terespol la vojaĝantojn atendis komforta duetaĝa turista buso el Tallinn, kiun stiris du bravaj kaj spertaj estonaj ŝoforoj kaj kiu dum du semajnoj estadis nia dua domo sur radoj. Perfekte glataj eŭropaj vojoj irigis nin unue al Varsovio por viziti tie la judan memor-tombejon kaj omaĝi al Ludoviko Zamenhof ĉe lia tombo. La ekskurson tra la urbo afable gvidis la konata pola esperantisto, verkinto de la libro “La Zamenhof-strato” Roman Dobrzyński, kiu tre interese konigis faktojn el historio de la pola ĉefurbo kaj de la familio Zamenhof.




Preskaŭ en ĉiuj vizitataj de ni urboj laŭ la anticipa interkonsento kun Svetlana nin renkontis esperantistoj kaj volonte, foj-foje eĉ tre profesie, ĉiĉeronis en Esperanto, kaj tio kreis specialan etoson de pli amika kaj intima komunikado. Niaj dankaj vortoj ŝuldiĝas al Zbyszek Kornicki el Poznań, Aleks Kadar el Parizo, Brian Moon el Luksemburgo, Francisko Simmonet el Lille, Alex Humet el Belgio, Eugeniusz el Kopenhago, Kari Kalsas el Oslo, Jukka Pietiläinen el Helsinko, Marina Korotj el Stokholmo. Ni kore dankas al ĉiuj niaj geamikoj, dediĉintaj siajn tempon, atenton kaj ĉiĉeronajn paroltalentojn al nia migranta grupo.

Memkompreneble, la ĉefa vojaĝcelo estis la fama havenurbo Roterdamo en Nederlando, kiu gastigis la 93-an Universalan Kongreson de Esperanto en la jubilea jaro de la centjariĝo de UEA. Ĉiu havas proprajn impresojn pri la Kongreso, sed evidentas la fakto ke ĝi estas historia evento, kiu povas samskale



ripetiĝi nur post unu jarcento.

La longa vojo ebligis al la grupo ankaŭ kelkajn vizitojn al konataj Esperanto-institucioj kaj centroj en diversaj landoj. En Antverpeno Alex Humet gastigis nin en la sidejo de Flandra Esperanto-Ligo, kie ni post la ekskurso povis komforte komunikiĝi kaj gustumi diversajn specojn de biero. Aparte impresis la vizitantojn la renovigita Centra Oficejo de UEA, preparinta jubilean ekspozicion kaj okaziginta porokaze ekskursojn tra la salonoj kaj laborĉambroj por ĉiuj dezirantaj kongresanoj. Neforgeseble varman, ekskluzive amikan akcepton ni ĝuis en la Esperanto-gastejo de la sveda urbeto Lesjöfors, kiu servas kaj kiel hotelo kaj samtempe kiel internacia esperantista instrucentro. La mastroj de la gastejo, kiuj zorgis pri nia komforto en la domo kaj bongustaj manĝoj, perfekte uzis Esperanton kiel pontolingvon kaj estis tre afablaj homoj.

Dum la duonmonato kaj la kelkmilkilometra vojo kalejdoskopis preter niaj okuloj 19 eŭropaj urboj. Ni vizitis plurajn ĉefurbojn kaj urbetojn, navigis per gigantaj pramŝipoj kaj multe piedmarŝis, ni vidis belajn monumentojn kaj ĝuis aŭtentajn pejzaĝojn, ni konatiĝis kun novaj homoj, fariĝis atestantoj de stabila kvieta somera vivo de eŭropanoj kaj strebis fiksi ĉion interesan per objektivoj de niaj fotiloj. La lasta urbo, kiu kronis la vojaĝon, estis la suverena Tallinn – la urbo de belaj mezepokaj kvartaloj kaj novaj ĉielskrapulaj siluetoj.

Fine, en la nomo de ĉiuj kunvojaĝintoj mi deziras danki al Svetlana Smetanina por ŝia grandega tasko plenumita senriproĉe, ĉio iris ja glate, kaj ŝi ĉiam aspektis mirinde freŝe kaj energie malgraŭ konstantaj maldormoj kaj zorgoj. Brave, Sveta! Ĉu venontjare ni kuraĝu por novaj aventuroj kaj vojoj?

***Vladimir Opletajev (Surgut)***

## MONDKONGRESO DE ESPERANTISTAJ ĴURNALISTOJ

La 26-an – 30-an de majo 2008 en la litovia ĉefurbo Vilno okazis la unua mondkongreso de esperantistaj ĵurnalistoj kun pli ol 180 aliĝintoj el 37 landoj. La kongresa temo "Internacia interkultura komunikado: ĵurnalismo kaj Esperanto" estis traktita en pluraj raportoj kaj prelegoj plenkunsidaj kaj sekciaj.

Diskutinte la ĉeftemon, la kongreso akceptis 16 konkludojn kaj rekomendojn por la esperantistaj amaskomunikiloj. Alia grava kongresa decido estis reaktivigo de TEĴA (Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio), kiu apenaŭ funkciis dum la

lastaj jaroj.

Danke al la subteno de litoviaj aŭtoritatoj la kongreskunsidoj pasis en la malnova urbodomo de Vilno kaj en la parlamentejo de Litovio; la loĝado, manĝado kaj ekskurso estis senpagaj por la kongresanoj. La prezidanto de la parlamento, Česlovas Juršėnas, bonvenigis la kongresanojn en la parlamento, kaj vespere regalis la kongresanojn per akcepto en parlamenta restoracio. Dum la akcepto li donis oficialan gratulleteron al la novelektita prezidanto de TEĴA, populara litova radia kaj televida ĵurnalisto Audrys Antanaitis.




*la Solena Malfermo*

La nova prezidanto de TEĴA estas ankaŭ vicprezidanto de Litova Ĵurnalista Asocio (LĴA), kaj kune kun Dainius Radzevičius, la prezidanto de LĴA, pretas labori por starigo de konkreta kunlaboro inter TEĴA kaj Internacia Federacio de Ĵurnalistoj. Krom Audrys Antanaitis, en la nova estraro de TEĴA estas ankaŭ Mariana Evlogieva (Bulgario), Kalle Kniivilä (Svedio), Aleksander Korĵenkov (Rusio), Dieter Rooke (Svislando), Vytautas Šilas (Litovio).

La estraro antaŭ la julia membrokunveno en Roterdamo (kadre de la 93-a UK) pretigos statutajn amendojn por jura registrado de la asocio, starigos retejon <www.tejha.org> kaj diskutliston kaj invitos ĉiujn esperantistajn ĵurnalistojn, amatorajn kaj profesiajn, al membriĝo kaj kunlaboro en la renovigita TEĴA.

Kontaktadreso de la sekretario de TEĴA Vytautas Šilas estas <litovastelo@takas.lt>. Pli detale pri la kongreso eblas legi en la retejo de LitEA <http://www.esperanto.lt/board/zboard.php?id=dokumentoj>.

***(esperanto-rus-informoj)***

## ĴURNALISTOJ KUNVENIS EN VILNO

La 26-an – 30-an de majo la ĉefurbo de Litovia Respubliko gastigis Tutmondan Kongreson de Esperantistoj-Ĵurnalistoj. Al la aranĝo aliĝis 183 personoj el 37 landoj, do la tutmondeco estas senduba. Inter la kongresanoj aliĝintaj estis dekduo da rusianoj/ruslandanoj; fakte alvenis nur dek. La partoprenantaron mi dividus en tri grupojn, preskaŭ egalkvantajn: prelegantoj, aŭskultantoj aktivaj, aŭskultantoj pasivaj. Estas mirinda (kaj admirinda) la kvanto ĝuste de la unua grupo – ŝajnas al mi, ke eĉ UK-oj ne havas tiom da prelegoj. Sed ne tio estas la plej grava.

Plej gravas, laŭ mi, ke, danke al litovoj, en Esperantujo okazis aranĝo unika kaj verŝajne neripetebla en la sama aŭ eĉ en proksima nivelo. Por aserti tion mi havas kelkajn argumentojn:

1. La Kongreso havis luksajn kondiĉojn por fruktodona laboro, prezentitajn de la respublika registaro. Verdire, dum la unua tago okazis eĉ luksa ripozo kun bonege ĉiĉeronitaj ekskursoj en Vilno kaj en Trakai. Ĉiuj kongresanoj loĝis en unu hotelo tristele komforta, do povis ĉiutage kune iri al la kongresejo kaj post ĉiu taga programo uzi la vesperojn por neformalaj diskutoj antaŭ la enlitiĝo. Verdire, la kongresejoj estis du, kaj mi eĉ ne scias, kiun mi nomu pli luksa. Dum du tagoj la Kongreso laboris en iama urbodomo, kiu nun estas Domo de Litoviaj Artistoj, dum la aliaj du tagoj – en la Konstitucia salono de la Parlamenta palaco. La tagmanĝoj estis organizitaj tute apud aŭ eĉ en la kongresejoj, do ne prenis multe da altvalora tempo. La vespermanĝoj okazis kiel solenaj akceptoj – la kongresanojn honoris per akceptoj plej gravaj personoj de la ŝtato: la urbestro de Vilno, la ĉefministro de Litovia Respubliko kaj la prezidanto de la parlamento.


*la rusianoj kun Povilas Jegorovas*

2. La respublikaj gravuloj sendube restis kun la impreso pri tute bona "enspezo", ĉar konsiste la Kongreso prezentis aron da eminentaj personoj, kiuj estis garantio de tre altnivela programo. Ne eblas nomi ĉi tie ĉiujn prezentitajn prelegojn, verdire ne eblis eĉ viziti ĉiujn, ĉar unu tagon la prelegoj okazis en tri sekcioj. Sed mi nepre menciu almenaŭ kelkajn, la plej interesajn por mi: unuavice la enkondukan prelegon de la brila Humphrey Tonkin, kiu, cetere, estis kunordiganto de la tuta programo, prelegojn de Stano Marĉek "100 jaroj de la revuo *Esperanto*", de Tomasz Chmielik "Edmond Privat – la patro de la moderna Esperanto-ĵurnalismo", de Giorgio Silfer "Kiel funkcias la cenzuro en la Esperanto-gazetaro", de Jevgenij Gaus kaj Peter Balaz "Uzado de modernaj teknikoj en informado", de Aleksandro Melnikov "Reflektiĝo de la specifa E-kulturo en publicistiko". Tio estas nur eta parto inter multaj vizitendaj kaj vizititaj, do, versimile, ĉiuj tri grupoj de la kongresanoj restis kontentaj. La prelegantoj ricevis bonan tribunon por prezenti siajn vidpunktojn pri la problemoj ĵurnalistaj. La aktivaj aŭskultantoj ricevis eblon prudente (aŭ foje ne tre) interveni dum la diskutado kaj demandado, do ankaŭ ili prezentis siajn vidpunktojn. La pasivaj aŭskultantoj estis dankema publiko, kiu havis netrotakseblan ŝancon por

ensorbi amason da utilaj scioj.

3. Ŝajnas al mi, ke neniam antaŭe kunvenis en unu prelegejo, en unu aranĝo reprezentantoj de la plej amasaj esperantistaj organizaĵoj pli-malpli rivalaj. Ĉi-foje, en Vilno ili ne nur prezentis siajn prelegojn unu post alia, sed havis bonan eblon por trakti kelkajn tiklajn demandojn senpere, reciproke rigardante en la okulojn, en neformala etoso. Kaj tio ĉi, kredu min, estas vere utila por la Esperanto-movado.



*Brian Moon, Humphrey Tonkin kaj Roman Dobrzyński*

Cetere, okazis ankaŭ specialaj programeroj de TEĴA (Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio), t.e. kunvenoj de la membraro, kie i.a. estis elektita la nova estraro de tiu organizo. La prezidanto de TEĴA iĝis fama litova ĵurnalisto Audrys Antanaitis.

Fine, uzante la okazon, mi volas kore danki Litovan Esperanto-Asocion por la neforgeseblaj kongresaj tagoj, okazintaj dank' al la senlaca laboro de ties glora prezidanto Povilas Jegorovas kaj fidela, agordita, agema teamo de la Organiza Komitato.

***Mikaelo Bronŝtejn (Tiĥvin)***

## NI NE SUKCESIS INVITI UK-on POR 2010

Jam estas konata la informo, ke UEA decidis kongresi en 2010 en Havano, Kubo. Moskvo estis rezerva kandidato kaj finfine havis eĉ ne malbonajn ŝancojn, sed... Eble ni ne sufiĉe tion volis.

La kialo, fakte, estas pure formala: malgraŭ pozitiva rilato de la moskva registaro, la konkretaj agoj por garantii invitadon ne estis de ĝi faritaj, i.a. ne estis ĝustatempe donitaj financaj garantioj, ne estis proponitaj variantoj pri diverskostaj hotellokoj ktp.

Ni povas dume konsoli nin per tio, ke neniam antaŭe niaj klopodoj por venigi UK-on al Rusio paŝis tiom antaŭen.

***Andrej Grigorjevskij (Ŝumerlja)***

## REZOLUCIO DE LA 93-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

*La 93-a Universala Kongreso de Esperanto, kunveninte en Roterdamo de la 19-a ĝis la 26-a de julio 2008 kun 1845 partoprenantoj el 73 landoj por diskuti la kongresan temon "Lingvoj: trezoro de la homaro",*

***Festante*** ĉi-jare la centjariĝon de Universala Esperanto-Asocio,

***Notante*** la gravan rolon de lingvoj en la konservado de scioj kaj kulturoj, kaj en la ebligado de malsamaj aliroj al la mondo,

***Rimarkante*** la daŭran diskriminacion kontraŭ lingvoj je ĉiuj niveloj kaj aparte kontraŭ la lingvoj de indiĝenaj popoloj kaj malplimultoj, kaj

***Atentigante*** pri la valoro de la facile lernebla kaj neŭtrala lingvo Esperanto, kiu estas mem lingva trezoro de la homaro, kaj pri la pli ol centjara sperto de ĝia praktika utilo kiel ligilo inter kulturoj,

***Varme bonvenigas*** la decidon de Unuiĝintaj Nacioj, ke la jaro 2008 estu Internacia Jaro de Lingvoj, kaj alte taksas la iniciatojn de Unesko en tiu kampo menciitajn en la mesaĝo de ties Ĝenerala Direktoro al la Kongreso,

***Reemfazas*** la neceson doni egalan respekton al ĉiu lingvo, al ĉiu kulturo kaj al ĉiu homo en la mondo,

***Alvokas*** la Esperanto-komunumon disvastigi Esperanton kaj ĝiajn valorojn de respekto al ĉiu homo kaj de egaleco inter ĉiuj homgrupoj, kaj per tio kontraŭbatali la malaperon de lingvoj kaj kulturoj tra la mondo,

***Invitas*** al kunlaboro kun ĉiuj organizaĵoj kaj instancoj kiuj laboras por konservi lingvojn kaj kulturojn kaj defendi lingvajn homajn rajtojn,

***Instigas*** ĉiujn agnoski la esencan valoron de lingva diverseco, lige kun la kreskanta agnosko pri biologia diverseco, kaj

***Proponas*** al la monda komunumo science esplori la rolon de Esperanto en pli efika kaj justa komunikado tra la mondo.

## MESAĜO DE UNESKO AL LA 93-A UK

Ĉi tiu kongreso okazas je tute taŭga momento: duone tra la Internacia Jaro de Lingvoj 2008. Kiel esenca dimensio de homa ekzistado, lingvoj ĉiam estis en la kerno de la misio de Unesko, kaj ni ludas gvidan rolon en la kunordigado de agadoj tra la jaro. Fakte, lingvoj estas menciitaj en la unua artikolo de nia Konstitucio, kiu diras ke la celo de la organizo estas *kontribui al paco kaj sekureco, stimulante kunlaboradon inter la nacioj per edukado, scienco kaj kulturo por antaŭenigi universalan respekton por justeco, por la regado de leĝoj kaj por la homaj rajtoj kaj fundamentaj liberecoj (...) sendistinge pri raso, sekso, lingvo aŭ religio*.

Ĉi tiu vizio daŭre gvidas la laboron de la organizo, kaj je la labora kaj je la normiga niveloj, en ĉiuj niaj kampoj de kompetento: edukado, sciencoj, kulturo kaj komunikado. Ni laboras por antaŭenigi plurlingvan edukadon kaj multlingvismon en ciberspaco, por savi endanĝerigitajn lingvojn, plifortigi indiĝenajn lingvojn kiel portilojn de scienca scio kaj scipovo, kaj por analizi la ligojn inter la praktikado de lingvoj kaj sociaj transformiĝoj. Nian agadon en la kampo de lingvoj antaŭnelonge plifortigis la kreado de Intersektora Platformo por Lingvoj kaj Multlingvismo.

Plie, Unesko laŭ sia propra naturo estas multlingva organizo: niaj gvidaj organoj laboras per naŭ lingvoj, kaj multaj paĝoj kaj temoj en nia Unesko-retejo estas seslingvaj.

Estante centra por la identeco de individuoj kaj reprezentante strategian faktoron por daŭrigebla evoluo, multlingvismo estas nuntempe, en epoko de tutmondiĝo, pli ol iam ajn ŝlosila temo por la estonteco de la homaro. Tial la slogano, kiun ni kreis por la Internacia Jaro de Lingvoj, esprimas klare sed elokvente, ke *lingvoj gravas*.

Kongrue kun la senĉesaj klopodoj faritaj de ĉiuj esperantistoj en la mondo tra la lastaj jardekoj, la 93-a Universala Kongreso de Esperanto reprezentas unikan kontribuon al la afero de lingva diverseco.

Tial mi deziras al Universala Esperanto-Asocio, al la organizantoj de la kongreso kaj al ĉiuj partoprenantoj plenan sukceson en iliaj diskutadoj.

***Koichiro Matsuura, Ĝenerala Direktoro de Unesko***

## LEE CHONG-YEONG NE PLU INTER NI

Prof. d-ro Lee Chong-Yeong, eksa Prezidanto de UEA, forpasis post elĉerpa malsano la 4-an de julio en la aĝo de 76 jaroj.

Lee naskiĝis la 13-an de februaro 1932. Li studis ĉe la universitatoj Yeungnam (Koreio), Hawaii kaj Harvard (Usono) kaj doktoriĝis pri komerca ekonomiko en la Universitato de Kobe (Japanio). Dum sia profesia kariero li estis ĉefo de la merkatuma grupo de la UN-organizo pri Nutraĵo kaj Agrikulturo, kaj profesoro de la Kyungpook Ŝtata Universitato (Korea Respubliko). Li estis ĉefkonsilanto de la Korea Industria kaj Evoluiga Instituto, gastprofesoro de la Universitato de Kobe, honora profesoro de la Nankaj-Universitato (Ĉinio) kaj orda profesoro de la Akademio Internacia de la Sciencoj San Marino.

Lee Chong-Yeong lernis Esperanton aŭtodidakte en 1948. Li estis prezidanto de Korea Esperanto-Asocio (1994-95, 1998-2001), Prezidanto de UEA (1995-1998) kaj vicprezidanto de UEA (2001-2004). Kiel Prezidanto de UEA li distingiĝis kiel dinamika kaj iniciatema gvidanto, kies plena sindediĉo al Esperanto, sincereco kaj persona ĉarmo faris lin amata de ĉiuj. Li kuniniciatis la unuan Nitobe-simpozion en la Universala Kongreso en Prago en 1996 kaj la Manifeston de Prago, kiu, subskribita de pli ol 13000 esperantistoj, plu restas la gvida dokumento pri la celoj de la Esperanto-movado. En 1996 Prezidanto Lee lanĉis Kampanjon 2000, kiu kune kun la Manifesto de Prago katalizis senteblan pliaktiviĝon en UEA kaj la cetera movado.

Lee Chong-Yeong verkis “Esperanto en la 21-a jarcento” (2001), “Esperanto, la

lingvo de la 21-a jarcento” (en la korea, 2001), “Esperanto kaj internaciaj organizaĵoj” (2003) kaj “80-jara historio de la korea Esperanto-movado” (en la korea, 2003), “Ridante lernu” (2007), kaj “Elektitaj Zamenhofaj proverboj” (2008). Li ankaŭ havis esencan rolon en la estigo de la E-a eldono de “Historio por malfermi estontecon” (2007), libro pri la moderna historio de Ĉinio, Japanio kaj Koreio.

En 2004 Lee Chong-Yeong estis elektita Honora Membro de UEA pro liaj elstaraj meritoj por UEA kaj tutmonda Esperanto-movado. Li estis ankaŭ honora prezidanto de Korea Esperanto-Asocio. La ĉina ŝtato dekoraciis lin per la Medalo de Entuziasma Subteno de Konstruo kaj Kunlaboro por Ĉina Amikeco, kaj la prezidento de Vjetnamio – per la Medalo de Entuziasma Subteno por la Vjetnama Esperanto-Movado.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## SIMO MILOJEVIĆ – HONORA MEMBRO DE UEA

En la inaŭguro de la 93-a UK en Roterdamo la publiko bonvenigis per forta kaj longa aplaŭdo la decidon de la Komitato de UEA elekti s-ron *Simo Milojević* kiel Honoran Membron de UEA.

*Simo Milojević* naskiĝis la 14-an de decembro 1936 en Kunja Glavica, Trebinje (Hercegovino), Jugoslavio. Li esperantistiĝis fine de 1956. En la komenco de sia movada aktivado li estis sekretario de loka Esperanto-klubo, poste de Jugoslavia Esperantista Junulara Asocio kaj de Jugoslavia Esperanto-Instituto. En 1963 li estis ĉefredaktoro de “Jugoslavia esperantisto”, poste de “La suda stelo” (1964, 1967-69). Kiel komisiito de UEA li restadis pli ol jaron (1960-61) en Hinda Unio kaj Nepalo por instrui Esperanton. Post sia transloĝiĝo al Nederlando *Milojević* redaktis la revuon “Kontakto” (1970-74). En 1974 li eklaboris en la Centra Oficejo de UEA, kiel vicdirektoro (1974-80) kaj redaktoro de “Esperanto” (1974-1984). De 1983 ĝis 1995 li estis ĝenerala direktoro de UEA. Li estis membro de la Akademio de Esperanto (1989-1998). En sia 60-a vivojaro, li decidis formeti ĉiujn movadajn funkciojn kaj labori kiel libroservisto kaj bibliotekisto en la Centra Oficejo, de 1996 ĝis la fino de 2002, kiam li pensiiĝis. Ekde la fino de 2007 *Milojević* loĝas en Trebinje (Respubliko Serba, Bosnio kaj Hercegovino).

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## PREMIO DEGUĈI AL RENATO CORSETTI

En la fermo de la 93-a UK en Roterdamo estis anoncitaj diversaj premioj kaj distingoj. La plej prestiĝan el ili, Premion Onisaburo Deguĉi, ricevis *Renato Corsetti*. Premio Deguĉi estis starigita en la Jubilea Jaro 1987 per donaco de Oomoto por ĉiujare premii agadon, kiu pere de Esperanto antaŭenigas la internacian amikecon kaj solidaron en la spirito de *Lazaro Ludoviko Zamenhof* kaj *Onisaburo Deguĉi*. Pri la ricevanto de la Premio decidas la Estraro de UEA. La Premio konsistas el diplomo kaj monsumo de 2000 eŭroj.

Aljuĝante la Premion al *Renato Cor-*

> Tri revoj de viro:
> Esti tiel bela kiel lia patrino kredas.
> Esti tiel riĉa kiel lia infano kredas.
> Havi tiom da virinoj kiom lia edzino suspektas...
>
> ***(esperanto-anekdotoj)***

*setti*, la Estraro de UEA skribis: "*Renato Corsetti* estas unu el la plej elstaraj agantoj de Universala Esperanto-Asocio. Por li Esperanto estis ĉiam nedisigeble ligita al agado por pli bona mondo, por internacia amikeco, solidaro kaj paco. Antaŭenigi tiujn idealojn signifas por li antaŭenigi Esperanton, kaj tute aparte, disvastigi ĝin precipe al tiuj partoj de la mondo, kie la Internacia Lingvo apenaŭ aŭ tute ne havas adeptojn. Tio instigis lin al pionira laboro por krei Esperanto-movadon en multaj landoj de la Tria Mondo, precipe en Afriko kaj arabaj landoj, ĉiam celante, ke al la novaj esperantistoj la posedo de la nova lingvo fariĝu rimedo por plivastigo de siaj spiritaj horizontoj kaj por persona kresko."

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## <LERNU.NET> KAJ <EDUKADO.NET> DIPLOMITAJ

La Estraro de UEA rajtas rekoni eksterordinare meritplenan agadon por la Internacia Lingvo per Diplomo pri Elstara Agado. La Diplomo estis starigita pasintjare. En 2008 ricevis ĝin du interretaj projektoj: <lernu.net> kaj <edukado.net>.

<lernu.net> estas plurlingva paĝaro, kiu estis lanĉita en 2002 kaj celas helpi al ret-uzantoj informiĝi kaj lerni Esperanton senpage kaj en facila maniero. Verŝajne ne estas troigo diri, ke nuntempe ĝi estas la plej granda lernejo de Esperanto en la mondo. Ĝi estas vizitata averaĝe 75.000 fojojn monate. Ĉirkaŭ 7000 lernantoj jam kompletigis la unuan parton de ĝia baza kurso, kaj 1500 lernantoj finis ĝian lastan, okan parton.

<edukado.net> estas retejo por instruistoj, prizorgata de *Katalin Kováts*. Ĝi celas subteni kunlaboron inter instruistoj, sed ĝi ankaŭ estas helpilo por memlernantoj. Ĝi estis lanĉita en 2001 kaj renovigita en 2005. En la retejo troviĝas i.a. katalogo de lerniloj, "lerniloteko" por interŝanĝi ekzercojn kaj testojn, legejo de lernosubtenaj materialoj, koresponda servo ktp. La teamo de <edukado.net> liveris nemalhaveblan helpon por realigi la Esperantan version de la Komuna Eŭropa Referenckadro por lingvo-ekzamenoj kaj de kelkaj jaroj prizorgas paroligajn lecionojn en UK-oj.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## PREMIO GRABOWSKI AL DU INTERLINGVISTOJ

Fondaĵo Antoni Grabowski de UEA subtenas elstarajn atingojn de la Esperanta kulturo, precipe, sed ne nur, en la kampo de beletro. Ĉi-jare ĝiaj premioj havis interlingvistikan fokuson. La komisionanoj de la Fondaĵo (*Ulrich Lins*, *István Ertl* kaj *Mine Yositaka*) aljuĝis du egalrangajn premiojn, je la valoro de po mil usonaj dolaroj, al *Ilona Koutny* kaj *Andy Künzli*.

*Ilona Koutny*, membro de la Akademio de Esperanto, hungara lingvistino, loĝanta en Pollando, kreis kaj jam de dek jaroj animas la popularajn kaj rekonatajn Interlingvistikajn Studojn ĉe Universitato Adam Mickiewicz en la pola urbo Poznan. Spirita heredantino de prof. *István Szerdahelyi*, ŝi kvazaŭ transplantis la Esperanto-fakon de la Budapeŝta Universitato ELTE en polan grundon, kie ĝi disfloris internacie.

*Andy Künzli*, svisa politologo, pli ol 15 jarojn laboris super sia monumenta en-

ciklopedio "Universalaj lingvoj en Svislando", kiu donas panoraman bildon pri la 100-jara historio de la movado ne nur Esperanta, sed ĝenerale planlingva, en Svislando. La riĉa enhavo de tiu ĉi unika verko pri la planlingva movado de unu lando estas modela pro siaj scienca kompetenteco kaj objektiveco.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## SUBVENCIO CIGNO FAVORE AL SRILANKO

Subvencio Cigno estas donata ĉiujare por subteni agadon, kiu celas disvastigi Esperanton en evoluantaj landoj de la Tria Mondo. Ĝia valoro estas 500000 japanaj enoj, t.e. proksimume 2950 eŭroj. La subvencion financas la japana mecenato *Miyoshi Etsuo,* kaj pri ĝia celo decidas ĉiujare la Estraro de UEA.

Ĉi-jare Subvencio Cigno estis asignita al la Komisiono pri Azia Esperanto-Movado (KAEM) por ĝia projekto "Agado Srilanko". La projekto temas pri presado de la jam preta vortaro sinhala-Esperanto-sinhala, kaj sendado al Srilanko de esperantisto el Barato aŭ Nepalo por gvidi konversacian kurson al la lokaj esperantistoj, kiuj ĝis nun estas izolitaj de la ĝenerala movado, kaj por rektametoda kurso al neesperantistoj.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## REZULTOJ DE LA ORATORA KONKURSO

En la Oratora Konkurso de la 93-a UK en Roterdamo partoprenis kvin gejunuloj el kvin landoj. La unuan premion gajnis Daniel Moreno Martinez el Meksiko pro parolado pri la temo "Ĉu oni devas kontraŭbatali la malaperon de lingvoj?". La duan premion ricevis David Welsh el Norvegio, kiu traktis la temon "Ĉu povas harmonie kunvivi malsamaj kulturoj?", kaj la trian – Francesco Maurelli el Italio, kiu parolis pri la sama temo kiel la laŭreato de la unua premio.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## NOVAJ REU-MEMBROJ POR 2008

### INDIVIDUAJ MEMBROJ

*Gnusarev Ilja (Penza), Itpekova Marina (Tjumenj), Kopajev Jurij (Orjola reg.), Lariĉev Vladimir (Moskvo), Manjaĥin Jurij (Moskvo), Peĉonkin Andrej (Moskvo), Ponomarjova Aleksandra (Moskvo), Soskina Sofija (Usono), Uljanova Oksana (Tjumena reg.)*

### ALIGITAJ MEMBROJ

**Moskva E-klubo "EK MASI"** (+ 5 membroj): *Kozlov Igorj, Kuljkova Ljubovj, Masljajeva Nina, Noskov Miĥail, Noskova Jekaterina*

Sinceran DANKON al Valentina Zaĥarova pro la subtena kotizo!

Plena aktuala listo de la membroj troveblas en la ttt-ejo de REU laŭ la adreso <http://reu.ru/index.php?dok=membrolisto>.

## KOTIZOJ DE REU/REJM POR 2008

**Individua kotizo** – 100 rub. (por Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ; por ceteraj landoj – 10 eŭroj), inkluzivas la membrokarton, Jarlibron/Manlibron de REU, REU-bultenon kaj aliajn informojn de REU, voĉdonrajton en REU-Konferenco, rabatojn ĉe uzo de REU-servoj kaj en aranĝoj de REU/REJM.

**Dumviva kotizo** – 2500 rub. (por Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ; por ceteraj landoj – 250 eŭroj) – ĉio la sama dum la tuta vivo.

**Familia kotizo** – 35 rub., por familianoj de membro paginta individuan aŭ dumvivan kotizon kaj loĝanta samadrese (la membrokarto, voĉdonrajto en REU-Konferenco, rabatoj ĉe uzo de REU-servoj kaj en aranĝoj de REU/REJM).

**Rabatita individua kotizo** – nelaborantaj gejunuloj kun la aĝo malpli ol 26 jaroj pagas 50% de la kotizo.

**Subtenkotizoj** (ĉio sama kiel por individua kotizo): *REU-subtenanto* – duobla individua kotizo; *REJM-patrono* – duobla individua kotizo.

**Kolektiva membrokotizo** – 35 rub. por ĉiu aligita membro (la aliĝintaj kolektivoj pagas minimume por 5 aligitaj membroj), inkluzivas po 1 ekzemplero de REGo kaj Jarlibro/Manlibro de REU por ĉiu komenciĝinta deko de la aligitaj membroj, aliajn informojn de REU por la kolektivo; la membrokartojn, voĉdonrajtojn en REU-Konferenco, rabatojn ĉe uzo de REU-servoj kaj en aranĝoj de REU/REJM por la aligitaj membroj.

**Aliĝkotizo** – 200 rub., unufoje pagata de nova aliĝinta kolektivo. La jamaj aliĝintaj kolektivoj ne pagas ĝin. La nova kolektivo iĝas regiona organizaĵo de REU kaj laŭpete ricevas dokumenton pri tio. Se la organizaĵo ne pagas kotizojn por aligitaj membroj dum du sinsekvaj jaroj, ĝi estas konsiderata likvidiĝinta kaj poste devus denove aliĝi.

**Rabatita abono de REGo** – 200 rub. (ekster Rusio – 15 eŭroj), por ĉiuj membroj. La dumvivaj membroj, kiuj pagis sian kotizon en 2001-2003, plu ricevados REGon sen aldona pago.

**Rabatita abono de "Komencanto" –** 180 rub. (nur en Rusio), por ĉiuj membroj.

*Membri en REU oni rajtas ekde la aĝo 18 jaroj; 14-17-jaruloj rajtas aliĝi kiel kandidatoj.*

*Ĉiuj membroj de REU kun la aĝo malpli ol 31 jaroj aŭtomate iĝas membroj de la junulara sekcio REJM (Rusia Esperantista Junulara Movado) kaj ricevas voĉdonrajtojn en REJM-voĉdonoj.*

*Membroj de REU iĝas aligitaj membroj de Universala Esperanto-Asocio, la malpli ol 31-jaraj – ankaŭ de TEJO.*

Aliĝilon, rublajn kotizojn kaj rabatitajn abonpagojn por REGo kaj "Komencanto" sendu (poŝtmandate) al: **Чертилову Михаилу Константиновичу, а/я 21, Одинцово-6, 143006 Московская область.** La eŭraj kotizoj pagendas al la konto **reua-p** ĉe UEA. (Pri pliaj pagmanieroj informiĝu ĉe Mikaelo Ĉertilov rete <membreco@reu.ru>, telefone +7-916-2019437 aŭ poŝte laŭ la supre indikita adreso.)

# Eksciu, ke...

## 100 000 ARTIKOLOJ EN LA ESPERANTO-VIKIPEDIO

Meze de junio la Esperanto-Vikipedio atingis la amplekson de 100 000 artikolojn. La internacia lingvo Esperanto per tio estas la 20-a lingvo, kiu atingis tiun grandecon.

Ĉiutage la Esperanto-Vikipedio <http://eo.wikipedia.org/> kreskas per mezume 40 artikoloj kaj kelkcent aldonoj kaj redaktoj de jam ekzistantaj artikoloj. La kunlaborantoj venas el pluraj dekoj da landoj kaj tial povas enmeti la scion el multaj diversaj kulturoj de la mondo en la Esperanto-Vikipedion.

Entute la Esperanto-versio de la interreta enciklopedio entenas ĉ. 19 milionojn da vortoj, mezume estas do por unu artikolo 190 vortoj aŭ 20 linioj da teksto. Kun 600 vortoj sur unu paĝo eventuala presita versio havus 30000 paĝojn aŭ 100 volumojn po 300 paĝoj.

Kelkaj artikoloj entenas nur unu frazon. Aliaj, kiel ekzemple la artikoloj pri delfenoj aŭ pri la Berlina muro, entenas detalajn prezentojn pri difinita temo.

Per la rango 20 atingita en la Vikipedio la lingvo Esperanto konfirmas sian pozicion inter la internacie plej multe uzataj lingvoj. Esperanto estas unu el la 9 lingvoj, en kiuj la Ĉina Interreta Informa Centro <http://esperanto.china.org.cn/> publikigas novaĵojn. La serĉmaŝino Google ofertas Esperanton kiel unu el 42 serĉlingvoj <http://www.google.com/intl/eo/>.

En la censo en Litovio en 2001 Esperanto atingis la rangon 16 inter la fremdlingvoj, kiujn regas la loĝantaro. En samjara censo en Hungario Esperanto atingis la 18-an lokon.

Kvankam la unua lernolibro de Esperanto estis eldonita en 1887, do antaŭ nur 121 jaroj, la lingvo estas nun parolata de homoj en pli ol cent landoj de la mondo.

Ĝi hodiaŭ okupas unu el la antaŭaj lokoj kiel internacie uzata lingvo, kaj oni povas nomi ĝin "lingva rang-altiĝanto de la 20-a jarcento": Neniu alia lingvo povis plibonigi sian pozicion inter la ĉ. 6.000 lingvoj de la mondo ene de nur unu jarcento ekde la lasta loko al unu el la antaŭaj 50.

***(esper-inform)***

## LA POLA PARLAMENTO OMAĜIS LA 100-JARIĜON DE UEA

La pola Sejmo (parlamento) la 12-an de junio per 397 voĉoj proklamis rezolucion, kiu omaĝas la 100-jariĝon de UEA. "Esperanto ligas homojn en riĉa kaj valora kulturo, kies fundamenta mesaĝo estas internacia amikeco kaj universala paco" – substrekis deputitoj en la unuanime proklamita rezolucio.

En la datreveno de la kreiĝo de Universala Esperanto Asocio la Pola Parlamento emfazis la "rekonvortojn al la daŭrigantoj de la verko de d-ro Ludoviko Zamenhof, kiu kreante la lingvon Esperanto deziris certigi al ĉiuj homoj la eblecon

de reciproka kompreno kaj interkompreniĝo sendepende de la nacieco, raso, religio kaj propraj mondkonceptoj”.

La rezolucio entenas ankaŭ la jenan frazon: “La Pola Parlamento, dezirante omaĝi la kontribuon de d-ro Ludoviko Zamenhof al la monda civilizacia heredaĵo subtenas la klopodojn de internaciaj medioj, ke UEA estu honorita per la Nobel-premio pri paco”.

***Barbara Pietrzak (Pollando)***

## NI DENOVE SENTIS AMIKECON

En Volgograd vica lingva festivalo okazis la 1-an de majo. Ĝi estis jam la sepa, kiun organizis en nia urbo la esperantistoj. Partoprenis pli ol 250 personoj, estis prezentitaj jam 34 lingvoj per lecionoj kaj koncerto.




La plej vizitataj estis prezentoj de la araba, turka, japana, tamila lingvoj kaj Esperanto. Unuafoje estis prezentita la belorusa lingvo, la debuto estis sukcesa. Dum la tuta tempo en la dua etaĝo de la lernejo, en kiu okazis la festivalo, kantis geknaboj en ukrainaj kostumoj, funkciis ekspozicio de memfaritaj pupoj el diversaj regionoj de Rusio.

Bedaŭrinde la koncerto ne estis tiom granda, kiel kutime (ĝi konsistis el nur 15 eroj), ĉar la lerneja koncerthalo estis malgranda. Tamen ĉiuj amatoraj artistoj tre plaĉis al la publiko, plej laŭte ĝi aplaŭdis al la tataraj kantoj kaj armenaj dancoj.

Ĉiuj instruistoj, kiuj prezentis la lingvojn, ricevis donacetojn kun la festivala emblemo. Por la instruistoj kaj aktivuloj de la festivalo la organizantoj faris bankedon, dum kiu oni povis pli bone konatiĝi unu kun la alia. La etoso, kiel ĉiam, estis amika.

La artikoloj pri la festivalo kun la ilustraj fotoj aperis en 4 lokaj ĵurnaloj. Tio montras, ke intereso al la lingva festivalo kreskas.

***Valentina Spicina (Volgograd)***

## 34-a KATALUNA KONGRESO DE ESPERANTO

Ĝi okazos en Sabadell la 6-an – la 8-an de decembro 2008. La detalojn eblas vidi ĉe la ttt-ejo <http://www.esperanto.cat/kongresoj/2008/>.

La Katalunaj Kongresoj de Esperanto kunigas altnivelajn prelegojn kaj riĉan artan programon kun unuarangaj gastoj el diversaj mondopartoj. Krome, okaze de la Internacia Jaro de Lingvoj, la semajnfinon antaŭ la kongreso okazos serio de prelegoj kaj rondaj tabloj en la kataluna pri lingvaj rajtoj, lingva diverseco, lingvoj kaj paco fare de reprezentantoj de elstaraj katalunaj organizoj.

Ĉi-jare la kongresa prelegaro ĉefe estos ĉirkaŭ la temo “Esperanto kaj tutmondiĝo: perspektivoj por la estonto”. La kongreso celas aparte atenti pri la celoj de esperantismo en la mondo pliimplikiĝanta ekonomie, kulture, lingve, ideologie kaj loĝe, tamen atentos ankaŭ aliajn temojn por doni pli grandan diversecon al la prelegoj.

**KOREKTO**

En la artikolo “Vladivostokaj esperantistoj gastis en Ĉinio...”, kiu estis publikigita en la pasinta numero (REGo, № 3(46), p. 23) anstataŭ la familinomo “Postiŝev” devas esti “Seriŝev”. Mi petas pardonon pro la eraro.

***Aleksandr Titajev (Vladivostok)***

Ni ankaŭ deziras atentigi kongreseron al iel alia interlingvo: la muziko. Krom programero pri muziko kun la partopreno de la diskeldonisto Floreal Martorell kaj la Esperanto-muzikistoj Alejandro Cossavella kaj Martin Wiese (kaj certe “Kaj Tiel Plu”-anoj ĉeestos la eventon), vespere Martin Wiese kaj Alejandro Cossavella koncertos. Ankaŭ elstaras en la distra programo la dancigo de internaciaj popoldancoj far la danc-instruisto Mon Cardona kaj la kvalita teatraĵo de Tuluza Teatra Trupo.

Rilate al gastigado, oni povas helpi vin trovi gastejon aŭ hotelon. Ĉi-jare amasloĝejo estas antaŭvidata.

Inter la konfirmitaj prelegontoj elstaras la partopreno de: Humphrey Tonkin, Ghiridar Rao, Abel Montagut, Òscar Puig, Elisabet Abeyà, Lluís de Yzaguirre, Teatro Trupo de Tuluzo, Alejandro Cossavella, Martin Wiese.

***Ferriol Macip i Bonet (Kataluna Esperanto Asocio)***

## OSIEK-PREMION 2008 RICEVIS SERGIO POKROVSKIJ

Siberia esperantisto Sergio Pokrovskij, membro de la Akademio de Esperanto, estas laŭreato de OSIEK-premio 2008. Oni atribuis al li ĉi tiun prestiĝan premion la 18-an de julio 2008 per sekreta voĉdonado en la Internacia Esperanto-Konferenco en Šempeter pri Gorici (Slovenio) pro la “Komputika Leksikono” (Sezonoj, 1995). Legu pli en la retejo de “Sezonoj”/“La Ondo de Esperanto” <http://www.esperanto.org/ondo/> en la rubriko “Novaĵoj”, kie estas ankaŭ la listo de ĉiuj laŭreatoj, ekde la jaro 1990.

***La Ondo de Esperanto***

## KONFERENCO KUNVENIGIS PROFESOROJN

La Universitato de Amsterdamo la 17-an – la 18-an de julio estis kunvenejo de kvardeko da reprezentantoj de universitatoj, kie Esperanto kaj interlingvistiko estas instruataj. Labora konferenco kunvokita de CED (Centro de Esploro kaj Dokumentado pri Mondaj Lingvaj Problemoj), donis al la grupo okazon komune pridiskuti siajn studprogramojn, la kondiĉojn sub kiuj ili laboras en siaj diversaj institucioj, kaj plifortigon de kunlaboro – inkluzive bibliotekajn interŝanĝojn kaj interŝanĝojn de personaro.

La konferenco okazis laŭ invito de la lektorato pri Esperanto kaj interlingvistiko en la Amsterdama Universitato, kun aktiva subteno de la Fako pri Lingvistiko. La ĉefa motoro surloke estis d-ro Wim Jansen, kiu gvidas la lektoraton. D-

ro Jansen gvidis konferencan laborgrupon pri studprogramoj, d-rino Sabine Fiedler – laborgrupon pri administracio de programoj, kaj d-ro Ulrich Lins – laborgrupon pri interŝanĝoj.

"Nuntempe la programoj pri Esperanto kaj interlingvistiko en diversaj landoj de la mondo laboras esence en izoleco", diris Humphrey Tonkin, direktoro de CED kaj unu el la organizantoj de la konferenco. "Nia celo estas pliintensigi la konversacion inter la diversaj programoj por plifortigi iliajn poziciojn kaj doni reciprokan helpon." Programoj pri Esperanto kaj interlingvistiko estas ofte starigitaj de unuopaj aktivuloj en difinitaj universitatoj, kaj mankas al ili kontinueco. Sekve, plekti ilin en la strukturojn de la koncernaj universitatoj estas tre grave. Ankaŭ iliaj iniciatintoj ofte ne scias, kiel kaj per kiuj studmaterialoj oni instruas en aliaj universitatoj. CED esperas starigi komunikan reton inter la programoj.

La konferencon finance subvenciis ESF (Esperantic Studies Foundation), nordamerika fondaĵo, kiu subtenas esplorojn pri interlingvistiko kaj internaciaj lingvaj problemoj. La konferenco estis nur por invititoj.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## LA KONFERENCO DE ILEI EN BENINO

Finfine okazis la konferenco de ILEI en Afriko, en Benino, en la urbo Portonovo. Partoprenis 42 konferencanoj el jenaj landoj: Nederlando, Francujo, Japanujo, Ĉeĥujo, Britujo, Aŭstralio, Litovujo, Italujo, Togolando, Benino, Ebura Bordo, Burundo, Ganao.

La 30-an de julio 2008 la konferenco malfermiĝis per la hiso de la verda flago. Estis kantita varme "La Espero" ĉeeste de reprezentanto de la urbestro. Solene estis prezentitaj la oficialaj salutmesaĝoj de UEA, ILEI, LKK, Afrika oficejo de UEA. Tuj poste okazis la akcepto de la urbestro al la esperantista delegitaro por komune manĝi tutamikece.

Venis la momento prelegi pri homaj rajtoj, sub la gvido de Renée Triolle, kaj poste – de prelego pri plantoj je vitaminoj sub la gvido de Jean-Pierre Boulet, Lingva festivalo sub la gvido de Vladka Chvatalova, lingva ludo sub la gvido de Ana Montesinos, prezentado de la projekto "Mondo-rondo" de Latifou kaj la ekzamenoj sub la gvido de Mireille Grosjean.

La konferenco tre buntiĝis je multaj aktivecoj rilate al lingvo-kono, okazo renkonti nekonatajn amikojn, kultura festivalo kun rava koncerto prezentita de Mayuko Tazima kaj Hori Yasuo, kiuj dancigis ĉiujn konferencanojn je la sono de japana gitaro. Okazis ĉefe multaj diskutoj pri la plibonigo de la situacio de Esperanto en Afriko.

La 5-an de aŭgusto 2008 okazis la solena fermo per oficiala voĉo de Aida Čizikaite, reprezentanto de ILEI en la konferenco.

La Afrika Oficejo dankas al UEA, ILEI kaj al ĉiuj, kiuj materiale kaj finance helpis al ĉi tiu konferenco. Estis omaĝo al Esperanto, omaĝo al Afriko, omaĝo al ILEI kaj al UEA. Ĉiuj soifas regustumi tiajn eventojn en Afriko.

***Kodjovi Francis Agbenou (Afrika oficejo de UEA)***

## TEJO FESTIS SIAN JUBILEON DUM IJK

Inter 26.07 kaj 02.08 en Szombathely (Hungario) okazis la 64-a Internacia Junulara Kongreso de TEJO. Al la kongreso aliĝis ĉ. 480 personoj, tamen multaj afrikanoj kaj azianoj havis problemojn pri akiro de la ŝengena vizo, do fine alvenis 365 personoj el 36 landoj! La plej aĝa partopreninto havis 74 jarojn, la plej juna – 2 jarojn. Averaĝa aĝo de partoprenintoj estis 31 jaroj 4 monatoj kaj 12 tagoj. Plej multaj partoprenintoj venis el Germanio (43 personoj), Rusio (49) kaj Hungario (60), venis ankaŭ esperantistoj el ekzotikaj landoj kiel Koreio, Pakistano, Vjetnamio, Meksikio.

Ĉiuj komune festis dum la IJK 70-jaran jubileon de la fondiĝo de TEJO en 1938. Interesan naskiĝfestan salutparolon faris Gregor Hinker, la nuna prezidanto de TEJO, ĉiuj partoprenintoj povis preni pecon el la granda jubilea TEJO-torto por 400 personoj kaj tosti per speciala verda Esperanta ĉampano!

En kolektejo ĉe la adreso <http://www.tejo.org/vikio/IJK_2008> troviĝas pli ol 3500 fotoj pri la kongreso, 3 albumoj de urbaj/regionaj gazetoj kaj 8 videaj registraĵoj.


*la komitato de TEJO*

Dum IJK la komitato de TEJO kunvenis por sia jarĉefkunveno. Dum kvar sesioj 26 anoj de la komitato kaj pluraj ĉeestantaj vizitantoj vigle diskutis la raportojn de la estraro kaj aprobis ĝian laboron.

Jam komence de la kunveno la komitato ĝoje bonvenigis novan landan sekcion de TEJO: *Junulara Esperantista Burundia Organizo (JEBUO)* estis akceptita kiel la 45-a landa sekcio. Cetere al la komitato estis alelektita nova komitatano C, Heming W. Thorbjørnsen el Norvegio.

Unu el la plej konataj kaj popularaj servoj de TEJO estas la gastiganta reto Pasporta Servo kiu jam de pli ol 20 jaroj faciligas vojaĝojn kaj renkontiĝojn en la Esperanto-mondo. La komitato decidis reformi tiun servon, kiu ĝis nun konsistis ĉefe el la papera adreslibreto. Estontece dinamika interreta datumbazo plifaciligos la servon. Jam en 2009 la Pasporta Servo aperos en freŝaj vestaĵoj kun nova vizaĝo; ĝi estos uzebla kaj en la interreta, kaj en la papera formoj.

***<tejo-aktuale>***

## HELPEMULOJ PRI REDAKTADO SERĈATAJ

Antaŭ kelka tempo translokiĝinte al Rusio, mi fariĝis individua membro de REU. Antaŭe, dum pli ol du jardekoj, mi multe aktivis en E-movado en Centra Azio kaj nun mi planas laŭpove E-agadi en Rusio. Jam de kelkaj jaroj mi okupiĝas pri E-tradukado de verkoj de diversaj ruslingvaj aŭtoroj, ĉefe tiuj de A.P.Ĉeĥov kaj I.S.Turgenev. Mi jam fintradukis en Esperanton 16 novelojn, por kiuj profesia pentristo faris 8 originalajn ilustraĵojn. Laŭ mia opinio, la tradukitaj verkoj estas tre interesaj kaj prezentindaj al diverslandaj E-legantoj. La novelaro portas la provizoran titolon "Vojaĝu tra la Tempo" kaj havas proksimume 100 paĝojn, inter kiuj 60 restas neredaktitaj. Bedaurinde, mi ne havas sperton pri redaktado de beletro, kaj tial mi serĉas helpemajn kompetentulojn, kiujn bonvolus lingve kontroli kaj redakti mian manuskripton. Mi tre ĝojus, se iuj helpemuloj el REU-membraro kaj REGo-legantoj reeĥus kaj afable helpus al mi finredakti la tradukitajn tekstojn.

Kompreneble, mi nepre mencios en la libro la nomojn de ĉiuj kontribuontoj kaj rekompensos ilian helpon per la eldonotaj libroj. Eĉ eta helpo estos ege bonvena. Antaŭdankon al ĉiuj reeĥontoj.

La volontuloj bonvolu kontakti min rete <vsalexander@mail.ru> aŭ per la poŝta adreso: 433508, Uljanovska regiono, Dimitrovgrad, str. Komsomoljskaja 33 – 1.

***D-ro Vladimir Ŝĉetkin (Dimitrovgrad)***

## KANOTADO SUB VERDA FLAGO



La 18-an – 20-an de aprilo 2008 okazis tradicia printempa akva ralio per kanotoj por laboristoj de Uljanovska aŭtomobila uzino. En tiu ĉi jaro ni flosis laŭ la rivero Svijaga. En la kanotado partoprenis 27 homoj (13.5 kanotanaroj): 19 knaboj kaj 8 knabinoj. En la vendredo vespere oni nin alveturigis per buso al la vilaĝo Maksimovka, al la loko de starto. Ni muntis la kanotojn, vespermanĝis kaj ĝis meznokto kantis kantojn kun gitarakompano. Ni tranoktis en tendoj kaj kuiris nutraĵon sur lignofajro. Svijaga estas rivero zigzaga kun rapida fluado. Laŭlonge de la bordo en la ravinoj ankoraŭ kuŝis la neĝo. Vetero estis bona, malvarmeta, lumis suno, ne pluvis. En la dimanĉo ni finis la vojplanon apud la vilaĝo Elĥovo Lago. Ĉiuj turistoj ripozis de urba tumulteco, enspiris puran aeron kaj estis tre feliĉaj.

***Sergej Abramov (Uljanovsk)***

# la verda KoRo

*kultura revuo*

## REZULTOJ DE LA BELARTAJ KONKURSOJ DE UEA EN 2008

### POEZIO

***Unua premio***: **Mikaelo Giŝpling** (Israelo) pro "Rekviemo"; ***Dua premio***: **Gerrit Berveling** (Nederlando) pro "Mortis la Dioj"; ***Tria premio***: **Jean-Marie Ries** (Luksemburgio) pro "Tiu vino" kaj "Lastaj pensoj de mortanta poeto". Partoprenis 21 aŭtoroj el 16 landoj.

### PROZO

***Unua premio***: **Lena Karpunina** (Rusio) pro "Ordinara vizaĝo"; ***Dua premio***: **Sten Johansson** (Svedio) pro "Kemio"; ***Tria premio***: **Lena Karpunina** (Rusio) pro "Novaj tempoj". Partoprenis 24 aŭtoroj el 15 landoj.

### ESEO

***Unua premio***: ne aljuĝita; ***Dua premio***: **Luiza Carol** (Israelo) pro "Esperantismo kaj vegetarismo: similaj trajtoj"; ***Tria premio***: ne aljuĝita; ***Honora mencio***: **Pieter Doumen** (Belgio) pro "Lingvo: trezoro de la popolo". Partoprenis 5 aŭtoroj el 4 landoj.

### TEATRAĴOJ

***Unua premio***: ne aljuĝita; ***Dua premio***: **Geraldo Mattos** (Brazilo) pro "Amo ne murdas"; ***Tria premio***: ne aljuĝita. Partoprenis 6 aŭtoroj el 6 landoj.

### FILMO

Partoprenis neniu valida konkursaĵo.

### INFANLIBRO DE LA JARO

Kadre de la Belartaj Konkursoj de UEA okazis ankaŭ konkurso pri "Infanlibro de la Jaro 2007", en kiu eldonejoj rajtis konkursi per libroj eldonitaj pasintjare. Partoprenis du libroj, el kiuj la ĵurio premiis "Breno kaj Bruno". Temas pri kolora 32-paĝa verko pri amikeco inter labradora hundo kaj ties mastro. Ĝi estas originale verkita en Esperanto de Paulo Sergio Viana, kiu jam kelkfoje antaŭe estis premiita en la Belartaj Konkursoj, interalie per la unua premio en la proza branĉo en 2002.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## VORTLUDOJ EN ESPERANTO

Aperis plia libro plume de Aleksandr Melnikov: "Vortludoj kaj luda komunikado en Esperanto: lingvaj premisoj, tipoj, specifeco kaj antologieto" (221 p.). Recenzis akademiano C.Minnaja (Italio). Eldonis Eŭropa Jura Universitato "Justo"

(Moskvo) egide de la Akademio Internacia de Sciencoj San-Marino.

Jen estas la prezento:




*Ĉi libro estas dediĉita al tio, kion Z.Freud nomis la plej multnombra kaj "ĉipa" spritaĵ-grupo, sed la aŭtoro de duonmilpaĝa pritema studego V.Sannikov epitetis "kaj bonega instruisto pri belvortumado, kaj amuza kunparolanto, kaj granda konsolisto-psikoterapeŭto" – al vortludo kaj luda komunikado aŭ lingva ludo ĝenerale. Kial kaj kiel eblas kalemburi kaj ludkomuniki en E-o, kiuj tipoj de vortludoj ekzistas (ĉ. 40!) – tion vi ekscios el la libro, rezultinta el analizo de miloj da ludkomunikaĵoj, multaj el kiuj estas prezentitaj en la librofina antologieto. La libro povas esti interesa kaj por sciencistoj, kaj por laikoj, kiujn interesas esprim-eblecoj (kaj aparte vortludoj kaj luda komunikado) en E-o.*

Eblas akiri la libron ĉe kutimaj libroservoj aŭ rekte ĉe la aŭtoro (kontaktadreso <aleks-meln@mail.ru>). Lastkaze la libro kostas 150 rub. + pakaĵo + afranko 35 rub., entute 185 rub.

***(esperanto-rus-informoj)***

## LIBROSUBVENCIOJ POR ESPERANTO-BIBLIOTEKOJ

Esperanto-bibliotekoj havas denove ŝancon pligrandigi siajn kolektojn senpage, ĉar ankaŭ ĉi-jare UEA disdonos subvenciojn de la "Biblioteka Apogo Roma kaj Poul Thorsen". Por subvencio rajtas kandidatiĝi bibliotekoj, kiuj ne estas subtenataj de ŝtata, urba aŭ alia publika instanco. Interesitaj bibliotekoj sendu priskribon pri si kaj liston de dezirataj libroj laŭ ordo de prefero. Petoj pri diskoj, vidbendoj, k.a. ne-libraj varoj ne estos konsiderataj. Subvencion oni ricevos kiel librojn laŭ la listo, kiu akompanis la peton. Pasintjare kvin bibliotekoj ricevis librojn je la valoro de 125-230 eŭroj.

La petoj atingu la Centran Oficejon de UEA ĝis la 15-a de oktobro 2008. Krom papere (UEA, Nieuwe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando), eblas sendi ilin rete al <direktoro@co.uea.org>.

Kun la vivo kaj agado de la Esperanta poeto Poul Thorsen (1915-2006), kiu kun sia edzino donacis la komencan bonhavon de la Biblioteka Apogo, eblas konatiĝi per la retejo <www.poulthorsen.dk>.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

Kruko: He, karinjo, kion vi deziras donace por via naskiĝtago?

Jozefino: Ho, mi ŝatus novan lavmaŝinon.

Kruko: Hm, nu, tamen... diru ion malpli grandan.

Jozefino: Diamantan braceleton.

***(esperanto-anekdotoj)***

## “LA BURGO KONDAMNITA”– JAM BALDAŬ

Antaŭ dekkelkaj jaroj mi havis konversacion kun Boris Strugackij, i.a. pri komplikaĵoj, gvatantaj la tradukistojn en ruslingvaj tekstoj. Efektive, por mi, preskaŭ duonjarcenta adoranto de la fratoj Strugackij, mia onta laboro pri traduko de iliaj verkoj ŝajnis malfacila ekstreme, ĉe la rando de realigebleco. Tiam Boris Natanoviĉ, verŝajne por iom kuraĝigi min, diris, ke tamen ja inter iliaj verkoj kelkaj havas simplan lingvaĵon, pli facilan por traduko, ekzemple “La burgo kondamnita”... Malsingarde mi kredis tiun ĉi kuraĝigon. Eĉ tiagrade, ke venis ideo doni tiun verkon kiel la unuan seriozan laboron al la anoj de mia traduktrejnejo. Certe, ne tuj. La findecidon antaŭis dujara trejnado de la diversaĝa grupeto. Ĉiusemajnajn kunvenojn vizitadis 5-7 personoj por kune amuziĝi per tradukaj tasketoj, prenante el tiu amuzo ion utilan. Iam mi jam raportis pri tio al la legantoj de REGo...

Do en septembro 2007 mi distribuis ses partojn de la libro inter la dezirantoj. La homoj entuziasmiĝis. Almenaŭ dekomence. Amasiĝante kun la sama ĉiusemajna ofteco, ni havis ĉiufoje ĉarmegajn du horojn da diskutado, disputado, ridado, mokado ktp. Ni trovis sep (!) variantojn por traduki simplan rusan vorton “A”. Ĝis cerbotordo ni diskutis pri perfektivo de la verbo, pri manieroj bone montri ĝin en ĉiu konkreta okazo. Rideksplodoj abunde garnis nian portradukan analizon de multaj rusaj frazoj kaj apartaj vortoj, ekzemple de la vorto “облизываться”... Sed post du-tri monatoj mi komprenis, ke “La burgo kondamnita” ekde la ĉarmaj epigrafoj kaj ĝis la lastaj vortoj enhavas tekston horore komplikan, eble eĉ la plej komplikan por traduko elinter la sep romanoj de fratoj Strugackij, kiujn mi havis honoron alfronti kiel tradukisto. La homoj laciĝis. Iu eĉ tiom, ke ĉesis vizitadi la kunvenojn. Venis la tempo por admonado, konvinkado, instigo. Al ĉi-jara aprilo eĉ mi sentis min elĉerpita, sed – la laboro jam estis proksima al sukcesa fino.

Hodiaŭ mi povas diri, ke ĉio ĉi estas finfarita. Kredeble, neamasa, trookupata pri aliaj aferoj, pigreta, tamen reale ekzistanta espa legantaro baldaŭ ricevos plian ĝuindan legaĵon. Niaflanke la fervoraj grupanoj – Rita Bistrova, Anton Kirjakov, Zoja Kaĉalova, Darja Vlasova – jam ricevis netrotakseblan lecionaron kaj bonan spertiĝon por eventuala memstara traduka laboro.

Parteton el la libro aperonta, “La burgo kondamnita” mi ŝatus nun prezenti al la legantoj de REGo.

***Mikaelo Bronŝtejn (Tiĥvin)***

---

## El la parto kvina “Rompo de kontinuo”

Izja jam denove estis leganta. Rapide, kiel maŝino.

Andrej rememoris, kiel malvolonte li prenis Izja-n en tiun ĉi ekspedicion – kun lia absurda aspekto de birdotimigilo, kun lia defie juda fizionomio, kun lia aroganta ridetaĉo, kun lia memevidenta netaŭgeco por gravaj fizikaj streĉiĝoj. Estis absolute klare, ke Izja prezentos aron da zorgoj, sed utilo de arkivisto en la marŝkondiĉoj, proksimaj al la batalaj, estos eta. Kaj rezultiĝis tute ne tio.

Verdire, ankaŭ tio rezultiĝis. Estis Izja, kiu la unua frotvundis la piedojn. Ambaŭ samtempe. Izja estis netolerebla en la vesperaj raportkunvenoj kun siaj idiotaj

neĝustatempaj ŝercetoj kaj nepetata familiareco. En la tria tago de irado li sukcesis fali iun kelon, kaj oni devis lin eltiradi. En la kvina tago li perdiĝis kaj prokrastigis la ekmarŝon por kelkaj horoj. Dum la batalo ĉe la tricent kvardeka kilometro li kondutis kiel lasta kreteno kaj nur pro ia miraklo restis viva. Soldatoj mokadis lin, sed Keĥada konstante kun li disputis. Evidentiĝis, ke Ellizauer estas principa judfobiulo, kaj Andrej devis speciale riproĉi lin, koncerne al Izja… Tio estis. Ĉio estis.

Tamen ĉe ĉio ĉi tio sufiĉe baldaŭ oni komprenis ankaŭ tion, ke Izja iĝis la plej populara persono en la ekspedicio, eble, escepte la kolonelon. Sed en certa senco eĉ pli populara.

Unue, li trovadis la akvon. Geologoj multe kaj vane serĉadis fontojn, boradis rokojn, ŝvitadis, faradis senfortigajn marŝojn dum komunaj ripozhoroj. Izja estis simple sidanta en la trenĉaro sub monstreca memfarita ombrelo kaj fosadis en malnovaj paperoj, da kiuj li akumulis jam kelkajn kestojn. Kaj li kvarfoje aŭguris, kie oni devas serĉi subterajn cisternojn. Verdire, unu cisterno estis malplena, sed en la dua la akvo jam estis sufiĉe mucidiĝinta, tamen dufoje la ekspedicio ricevis bonegan akvon, dank' al Izja kaj nur dank' al Izja.

Due, li trovis deponejon de dizelpetrolo, post kio la antisemitismo de Ellizauer fariĝis certagrade abstrakta. “Mi malamas judaĉojn, – klarigadis li al sia ĉefmotoristo, – estas nenio en la mondo pli malbona ol judaĉo. Tamen mi neniam ion havis kontraŭ hebreoj! Jen, ekzemple, Kacman…”

Plie, Izja provizis ĉiujn per papero. La rezervita pipifakso[1] elĉerpiĝis tuj post la unua eksplodo de stomakmalsanoj, kaj jen tie ĉi populareco de Izja – la unusola posedanto kaj gardanto de la paperaj riĉaĵoj en la lando, kie ne nur lapoj, eĉ herbofasko ne troveblas, – tie ĉi do populareco de Izja atingis la plej eblan limon.

Ne pasis plenaj du semajnoj, kiam Andrej eĉ kun ioma ĵaluzo konstatis, ke Izja estas ŝatata. De ĉiuj. Eĉ de soldatoj, kio estis jam tute nekredebla. Dum la ripozhoroj ili amasiĝis apud li kaj ovrinte la buŝojn aŭskultadis lian babiladon. Ili propriniciate kaj kun plezuro transtrenadis de loko al loko liajn ferajn kestojn kun dokumentaro. Ili plendadis al li kaj fanfaronaĉis antaŭ li, kiel lernantoj antaŭ amata instruisto. Al Fogel ili sentis haton, al la kolonelo – tremtimon, la scienculojn ili kontraŭbatalis, sed kun Izja ili ridis. Ne pri li jam – kun li!... “Bonvolu scii, Kacman, – diris foje la kolonelo. – Mi neniam komprenis, por kio en la armeo estas bezonataj komisaroj. Mi neniam havis komisaron, sed vin mi, verŝajne, prenus…”

Izja finesploris unu stokon da paperoj kaj eligis la alian.

– Ĉu estas io interesa? – demandis Andrej. Li demandis ne pro tio, ke li vere scivolis pri la paperoj, li nur volis iel esprimi la teneron, kiun li eksentis subite al tiu nelerta, stranga, eĉ malagrabla homo.

Izja ne sukcesis respondi – sukcesis nur kapskui. La pordo ovriĝis, kaj la ĉambron enpaŝis kolonelo Sent-Ĝejms.

– Permesu, konsilisto? – elparolis li.

– Mi petas vin, kolonelo, – diris Andrej, leviĝante. – Bonan vesperon.

[1] Necesejpapero

Izja saltleviĝis kaj movis al la kolonelo fotelon.

– Vi estas tre ĝentila, komisaro, – diris la kolonelo kaj malrapide, per du movoj sidiĝis. Li havis kutiman aspekton – plenorde vestita, freŝa, odoranta je odekolono kaj bona tabako – nur tamen liaj vangoj lastatempe iom konkaviĝis kaj eksterordinare profundiĝis la okuloj. Kaj li estis promenanta jam ne kun sia kutima bastoneto, sed kun longa nigra promenbastono, al kiu li videble sin apogis, kiam li devis stari.

– Tiu impertinenta interbatalo ĉe la fenestroj… – diris la kolonelo. – Mi adresas al vi, konsilisto, miajn pardonpetojn pro mia soldato.

– Ni esperu, ke tiu interbatalo estis la lasta, – diris Andrej mornavoĉe. – Mi ne intencas plu toleri tion.

La kolonelo kapjesis distrite.

– Soldatoj ĉiam interbatalas, – diris li indiferente. – En la brita armeo tio, propre, estas aprobata. Batalspirito, sana agresemo kaj tiel plu… Sed vi, kompreneble, pravas. En tiom malfacilaj marŝkondiĉoj tio ne estas tolerebla. – Li profundiĝis en la fotelon, elpoŝigis kaj komencis plenigi pipon. – Sed ja potenciala malamiko ĝis nun ne videblas, konsilisto! – diris li humureme. – Mi antaŭvidas lige kun tio grandajn komplikaĵojn por mia kompatinda ĝenerala stabo. Ankaŭ por sinjoroj politikistoj, se mi estu sincera…

– Kontraŭe! – eksklamaciis Izja. – Ĝuste nun por ĉiuj ni ekos la plej varmegaj tagetoj! Ĉar vera malamiko ne ekzistas, necesas tiun elpensi. Do kiel montras la monda sperto, la plej terura malamiko estas malamiko elpensita. Mi asertas, ke tiu estos neimageble horora monstro. La armeon oni devos duobligi.

– Ĉu vere? – diris la kolonelo same humureme. – Interese, kiu do estos la elpensanto? Ĉu ne vi mem, mia komisaro?

– Vi! – diris Izja solene. – Vi unuavice. – Li komencis fleksi fingrojn. – Unue, vi estos devigita krei ĉe la ĝenerala stabo fakon de politika propagando…

La pordon oni frapis, kaj, antaŭ ol Andrej sukcesis respondi, eniris Keĥada kaj Ellizauer. Keĥada aspektis morne, Ellizauer svage ridetis ie ĉe la plafono.

– Mi petas sidiĝi, sinjoroj, – fridvoĉe proponis al ili Andrej. Li frapis la tablon per fingrostoj kaj diris al Izja: – Kacman, ni komencu.

Izja ŝtopis sin ĉe duonvorto kaj kun preteco turnis la vizaĝon al Andrej, metinte brakon trans apogilon de fotelo. La kolonelo denove rektiĝis kaj kunmetis manplatojn sur bastonkapo.

– Bonvolu paroli, Keĥada, – diris Andrej.

La estro de la scienca parto estis sidanta ĝuste antaŭ li, larĝe disiginte dikajn, kvazaŭ tiuj de pezatleto, krurojn, por ke ne ŝvitu la ingveno, sed Ellizauer, laŭkutime, lokiĝis trans lia dorso, forte kurbiĝinte tie, por ne tro hirti.

– Pri geologio nenio nova, – malgaje diris Keĥada. – Same argilo, sablo. Neniaj spuroj de la akvo. Loka akvodukto delonge iĝis seka. Eble, ĝuste pro tio ili foriris de ĉi tie, mi ne scias… La donitaĵoj pro suno, vento kotopo… – Li prenis el surbrusta poŝo paperfolion, transĵetis al Andrej. – Miaflanke, dume estas ĉio.

Estis tre malplaĉa por Andrej tiu “dume”, sed li nur kapjesis kaj ekrigardis al Ellizauer.

– La transporta parto?

Ellizauer rektiĝis kaj ekparolis super la kapo de Keĥada.

– Hodiaŭ estas trairitaj tridek ok kilometroj. La motoro de la traktoro numero du bezonas kompletan riparon. Mi tre bedaŭras, sinjoro konsilisto, sed – ve…

– Do, – diris Andrej. – Kion tio signifas – kompleta riparo?

– Du-tri tagoj, – diris Ellizauer. – Parton de la mekanismoj ni devas ŝanĝi, aliajn – ordigi. Eble, eĉ kvar tagoj. Aŭ kvin.

– Aŭ dek, – diris Andrej. – Donu vian raporton.

– Aŭ dek, – konsentis Ellizauer kun same nedifinita rideto. Sen leviĝi, li etendis trans ŝultron de Keĥada sian raporton.

– Ĉu vi diris tion ŝerce? – penante paroli trankvile, diris Andrej.

– Kion nome, sinjoro konsilisto? – Ellizauer ektimis. Aŭ nur imitis ektimon.

– Ĉu tri tagoj aŭ dek tagoj, sinjoro specialisto?!

– Mi tre bedaŭras, sinjoro konsilisto… – ekbalbutis Ellizauer. – Mi timas diri precize… Ni estas ne en la garaĝo, kaj krome mia Permjak… Li ian ekzantemon kaptis kaj vomis dum la tuta tago… Li estas mia ĉefa motoristo, sinjoro konsilisto…

– Sed vi? – diris Andrej.

– Mi faros ĉion, kion povas… Alia afero, ke en niaj kondiĉoj… mi parolas pri la kampaj kondiĉoj…

Kelktempe li plu balbutis ion pri motoristoj, pri argano, kiu ne estas kunprenita, sed ja li avertis..., pri bormaŝino, kiu ne estas ĉi tie kaj, bedaŭrinde, ne povas esti, denove pri motoristo kaj ankaŭ ion pri piŝtoj kaj stangoj… Ĉiuminute li mallaŭtigis la voĉon kaj fine entute silentiĝis, sed Andrej la tutan tempon fikse rigardis liajn okulojn, kaj estis absolute klare, ke tiu longa timema ruzulo tute dronis en sia mensogo, kaj mem jam komprenas tion, kaj vidas, ke ĉiuj tion komprenas, kaj provas iel elturniĝi, sed ne scipovas, kaj tamen intencas defendi sian mensogaĵon ĝis la venka fino.

Poste Andrej formovis la rigardon kaj ekokulumis lian raporton, malordajn liniojn, gratitaj per kokina skribmaniero, sed ĉe tio nenion vidis nek komprenis. Komplotiĝis, fiuloj, pensis li kun silenta despero. Ankaŭ tiuj komplotiĝis. Kion do nun mi faru kun ili?.. Pistolo mankas, bedaŭrinde… Mortpafi tiun Ellizauer… aŭ timigi tiel, ke li fekiĝu… Ne, – Keĥada. Keĥada, jen kiu estas ilia ĉefo. Min li volas kulpigi pri ĉio… Kulpigi min solan pri la tuta putriĝinta, fetoriĝinta aventuro… fiulo, dika porkaĉo… Venis al li deziro ekkriegi kaj tutforte aĥi per pugno la tablon.

La silento iĝis netolerebla. Izja subite nervoze ekmoviĝis sur la seĝo kaj komencis murmuri:

– Ne tro gravas, propre. Finfine ni ne devas ien speciale hasti. Ni faru halton… En la konstruaĵoj povas esti arkivoj... La akvo, vere, mankas ĉi tie, sed por akvo oni povas sendi antaŭen apartan grupon...

Kaj ĉi-momente lin interrompis Keĥada.

– Sensencaĵo, – diris li akre. – Ĉesu babili, sinjoroj. Ni metu punktojn super “i”. La ekspedicio fiaskis. La akvon ni ne trovis. Same – la nafton. Kaj ni ne povis tion

trovi ĉe tia organizo de geologiaj esploroj. Ni impetas, kiel frenezuloj, homojn elturmentigis, trafikrimedojn vrakigis… Disciplino en la taĉmento estas sentaŭga – inaĉojn flankajn ni nutras, trenas kun ni iujn vastigantojn de onidiroj… La perspektivo estas jam delonge perdita, ĉiuj fajfas pri ĉio. La homoj ne volas iri plu, ili ne vidas, por kio estas bezonata tiu irado, kaj ni ne havas ion por diri al ili. Evidentiĝis, ke la kosmografiaj donitaĵoj estas taŭgaj por nenio: ni preparis nin al polusa malvarmo, sed venis en inkandeskan dezerton. La persona konsisto de la ekspedicio estas selektita malbone, de ĉiu bosko po unu fosto. Medicina helpo estas aĉa. Do rezulte ni ricevas tion, kion ni devis ricevi: falon de morala spirito, disfalon de disciplino, kaŝitan malobeon, kaj ne hodiaŭ do morgaŭ – ribelon. Mi finis.

Keĥada silentiĝis, eligis cigaredujon kaj ekfumis.

– Kion vi fakte proponas, sinjoro Keĥada? – elparolis Andrej premvoĉe. La malamata vizaĝo kun dikaj lipharoj estis ŝvebanta antaŭ li en araneaĵo de iuj svagaj linioj. Ĉeestis granda deziro frapi ĝin. Per la lampo. Ĝuste la lipharojn…

– Laŭ mi, la solvo estas triviala, – respondis Keĥada malrespekte. – Endas returni la timonojn. Senprokraste. Dum ni restas vivaj.

Trankvilu, admonis sin Andrej. Nun – nur trankvilu. Malpli da vortoj. Disputu neniaokaze. Trankvile aŭskultu kaj silentu. Aĥ, kiom ardas la deziro frapi!..

– Efektive, – eligis la voĉon Ellizauer. – Ĝis kiu tempo do eblas iri? Miaj homoj min demandas: kio do rezultiĝas, sinjoro inĝeniero? Ni interkonsentis iri ĝis kiam la suno subiros ĝis la horizonto. Sed ja ĝi kontraŭe – leviĝas. Poste ni interkonsentis, ke ĝis ĝi venos zeniton… Denove ja – ĝi leviĝas, sed la zeniton ne atingas, ĝi saltas jen sor, jen sob…

Nur ne disputu, ripetadis enpense Andrej. Ili babilu. Estas eĉ interese, kion ili plu elpensos por diri… La kolonelo ne perfidos. La armeo ĉion decidas. La armeo!.. Ĉu vere ili sukcesis konviki Vogel, fiuloj?..

– Sed vi mem do kion? –Izja ĵetis demandon al Ellizauer. – Vi?

– Sed kion mi?

– Ili vin demandas, kompreneble… Sed kion vi al ili respondas?

Ellizauer komencis skui la ŝultrojn kaj movi maldensajn brovojn.

– Eĉ strange… – murmuris li ĉe tio. – Sed kion mi povas al ili respondi, mi demandu? Do mi volus ekscii ĝuste, kion mi devas respondi al ili? De kie mi sciu tion?..

– Do vi al ili nenion respondas?

– Sed kion mi povas respondi? Kion?! Mi respondas, ke la estraro decidas…

– Jen do la respondo! – diris Izja, terure eligante la okulojn. – Sed per tiaj respondoj la tutan armeon eblas ruinigi, des pli la kompatindajn aŭtistojn… Mi do, knabetoj, eĉ nun pretas turni reen, sed jen la bestaĉo-estro ne permesas… Ĉu almenaŭ vi mem komprenas, por kio ni estas irantaj? Ja vi estas volontulo, neniu vin devigis!

– Aŭdu, Kacman… – provis interrompi lin Keĥada. – Ni parolu pri la afero!

Izja eĉ ne rigardis lin.

– Ĉu vi sciis, ke estos malfacile, Ellizauer? Vi sciis. Ĉu vi sciis, ke ne por kukoj ni iras? Vi sciis. Ĉu vi sciis, ke la Urbo bezonas la ekspedicion? Vi sciis – vi estas

klera persono, inĝeniero… Ĉu vi sciis pri la ordono: iri, dum sufiĉas fuelo kaj akvo? Bonege vi sciis, Ellizauer!

– Tamen mi ja ne oponas! – haste elparolis la tute timigita Ellizauer. – Ja mi nur klarigas al vi, ke miaj klarigoj… tio estas, ke por mi ne klaras, kiel endas respondi al ili, ĉar ili ja min demandas…

– Ĉesu do hipokriti, Ellizauer! – konvinkite diris Izja. – Ĉio estas definitive klara: pli malproksimen iri vi timas, sabotadas morale, senmoraligis proprajn subulojn, sed nun alkuris tien ĉi por plendi… Sed vi, interalie, eĉ ne devas iradi piede... Ĉiam vi veturas…

Adu, Izja, adu, karulĉjo, pensis Andrej kun kortuŝeco. Draŝu lin, kanajlegon, draŝu!.. Li jam fekiĝis, tuj petos permeson por necesejo...

– Kaj ĝenerale mi ne komprenas, pro kio estas la tuta ĉi paniko, – daŭrigis Izja same konvinkite. – Ĉu geologio nin trompis? Dio estu kun ĝi, kun la geologio, ni vivos sen ĝi. Sen la kosmografio ni vivos des pli…Ĉu vere ne estas klare, ke la ĉefa nia afero estas skoltado, akumulo de informoj. Mi persone asertas, ke la ekspedicio jam faris tre multe, kaj povas fari eĉ pli multe. Ĉu traktoro estas rompita? Estas ne terure. Oni riparu ĝin ĉi tie, du tagojn aŭ dek, mi ne scias – ni restigu ĉi tie la plej lacajn kaj malsanajn, sed per dua traktoro moviĝu iom post iom pluen. Kiam akvon ni trovos – ni haltu, atendu la restintojn. Ja ĉio estas simpla, nenio speciala...

– Jes, certe, ĉio estas tre simpla, Kacman, – gale diris Keĥada. – Ĉu vi ne volas kuglon en la dorson, Kacman? Aŭ en la frunton? Vi tro entuziasmiĝis pri viaj arkivoj, nenion ĉirkaŭ vi rimarkas… La soldatoj ne iros plu. Mi scias tion, mi aŭdis, kiel ili interkonsentis…

Ellizauer subite hirtiĝis malantaŭ lia dorso kaj, balbutante malklarajn pardonpetojn, tenante la ventron, ĵetis sin for el la ĉambro. Rataĉo, kun malicĝojo pensis Andrej. Kanajlo malkuraĝa. Paroksismo…

Keĥada kvazaŭ nenion rimarkis.

– El inter miaj geologoj mi povas fidi nur unu homon, – daŭrigis li. – La soldatojn kaj stiristojn ne eblas fidi entute. Certe, vi povas pafmortigi unu aŭ du el ili por timigo, povas esti, ke tio helpos. Mi ne scias. Mi dubas. Kaj mi ne estas certa, ke vi havas moralan rajton tiel agi. Ili ne volas iri, ĉar ili sentas sin trompitaj. Ĉar ili nenion obtenis de tiu ĉi marŝo kaj nun jam ne esperas obteni. Tiu belega legendo, kiun tiel inĝenie elpensis sinjoro Kacman, – la legendo pri la Kristala Palaco ne efikas plu. Dominas, ĉu vi scias, Kacman, aliaj legendoj…

– Kiadiable? – diris Izja, singultante pro indigno. – Mi nenion elpensis!

Keĥada forsvingis lin preskaŭ bonanime.

– Bone, bone, nun tio jam perdis la sencon. Nun jam estas klare, ke la palaco ne estos, do eĉ paroli ne endas…Vi ja bonege scias, sinjoroj, ke tri kvaronoj de viaj volontuloj iris en tiun ĉi ekspedicion por predo kaj nur por predo. Kion ili obtenis anstataŭ la predo? Sangan diareon kaj pedikozan idiotinon por noktaj amuzaĵoj... Sed afero eĉ estas ne en tio. Krom tio, ke ili senreviĝis, ili ankaŭ estas timplenaj. Ni diru dankon al sinjoro Kacman. Ni diru dankon al sinjoro Pak, al kiu ni tiel afable proponis manĝon kaj loĝon en la ekspedicio. Per penoj de tiuj ĉi sinjoroj la

homoj tro multe eksciis pri tio, kio nin atendas, se ni moviĝu pluen. La homoj timas la dektrian tagon. La homoj timas parolantajn lupojn. Ne sufiĉis por ni ŝarkaj lupoj – al ni oni promesis la parolantajn!.. La homoj timas ferkapulojn... Sed en konekso kun tio, kion ili jam ekvidis – ĉiuj ĉi mutuloj kun eltranĉitaj langoj, forlasitaj koncentrejoj, sovaĝiĝintaj kretenoj, kiuj preĝas al fontoj, kaj bone armitaj kretenoj, kiuj neatendite pafis de post angulo… En konekso kun tio, kion ili vidis dumtage, ĉi tie, en tiuj ĉi domoj – tiujn ĉi ostojn en barikaditaj apartamentoj... Ĉarma kaj sugesta rezultiĝas la konekso! Kaj se hieraŭ soldato plej timis serĝenton Fogel, do hodiaŭ li kraĉas al serĝento Fogel – li havas timojn pli terurajn…

Keĥada finfine silentiĝis kaj, retrovinte la spiron, viŝis ŝviton, abunde aperintan sur lia dika vizaĝo. Kaj momente la kolonelo, ironie levinte unu brovon, elparolis:

– Mi havas impreson, ke ankaŭ vi mem estas grave timigita, sinjoro Keĥada. Aŭ mi eraras?

Keĥada strabe turnis al li ruĝan okulon.

– Pri mi ne maltrankviliĝu, kolonelo, – grumblis li. – Se mi eĉ timas ion, do nur kuglon inter skapolojn. Por nenia kulpo. De homoj, kiujn mi, interalie, kunsentas.

– Ĉu tiel? – rimarkis la kolonelo. – Do kion fari… Mi ne intencas juĝi pri graveco de la ekspedicio kaj ne intencas indiki al la estro de la ekspedicio, kiel li devas agi. Mia afero estas plenumi ordonojn. Mi opinias, tamen, necesa diri, ke ĉiuj ĉi rezonadoj pri ribelo kaj malobeo ŝajnas al mi sentaŭga babilo. Lasu miajn soldatojn al mi, sinjoro Keĥada! Se vi volas, vi povas lasi al mi ankaŭ tiujn viajn geologojn, kiujn vi ne fidas. Mi kun plezuro okupiĝos pri ili... Mi devas atentigi vin, konsilisto, – kun sama mortiga ĝentileco daŭrigis li, turnante sin al Andrej, – ke hodiaŭ ĉi tie oni tro multe parolas pri soldatoj, kaj ial ĝuste tiuj personoj, kiuj al la soldatoj neniel rilatas oficiale…

– Pri la soldatoj parolas la personoj, – kolere interrompis lin Keĥada, – kiuj tagnokte laboras, manĝas kaj dormas apud ili…

En ekinta silento aŭdiĝis milda knaro de leda brakseĝo: la kolonelo eksidis tre rekte. Iom da tempo li silentis. Mallaŭte duonovriĝis la pordo, Ellizauer kun fasta rideto, iom riverencante dum iro, kaŝvenis al sia loko.

Nu, hastigis Andrej, insiste okulumante la kolonelon. Nu! Frapu lin! La lipharojn! Vizaĝaĉon lian, vizaĝaĉon!

La kolonelo finfine ekparolis:

– Mi devas ankaŭ atentigi vin, konsilisto, ke inter certa parto de la gvidantaro manifestiĝis hodiaŭ malkaŝa kunsento kaj eĉ pli, fiaprobo por tute kompreneblaj, ordinaraj, sed absolute evitindaj humoroj inter etranguloj de la armeo. Kiel ĉefoficiro mi devas deklari jenon. En okazo, se la menciitaj fiaprobo kaj kunsento venos al iuj praktikaj formoj, mi estos agonta kontraŭ la aprobantoj kaj kunsentantoj tiel, kiel endas agi kun tiuj en kampaj kondiĉoj. En cetero, sinjoro konsilisto, mi havas honoron kredigi vin, ke la armeo plu estas preta plenumi ajnajn viajn ordonojn.

Andrej iom post iom retrovis la spiron kaj kun plezuro rigardis al Keĥada. Keĥada, kriple ridetante, fajrigis novan cigaredon per malnova cigaredstumpo, Ellizauer ne estis videbla entute.

– Do kiel, propre, oni agas kontraŭ fiaprobantoj kaj kunsentantoj en kampaj

kondiĉoj? – kun grandega scivolo informiĝis Izja, kiu ankaŭ estis tre kontenta.

– Ilin oni pendumas, – seke respondis la kolonelo.

***Tradukis Margarita Bistrova kaj Zoja Kaĉalova***

## LA PROZO ELOMBRIĜIS

***En ombro. Antologio de prozo el Rusio***. *Kompilis G.Arosev, N.Gudskov. Moskvo: REU, "Impeto", 2008. 100p. 300 ekz.*

Aperis prozkolekto de ruslingvaj E-aŭtoroj. En la libro estas prezentitaj verkoj de Viktor Aroloviĉ, Grigorij Arosev, Mikaelo Bronŝtejn, Dmitrij Cibulevskij, Gafur Gazizi, Alekseo Guljaev, Klara Ilutoviĉ, Zoja Kaĉalova, Jurij Karcev, Valentin Melnikov, Irina Mironova, Ivan Naumov, Aleksandr Parfentjev, Vladimir Perepelica. La tekstojn akompanas personaj informoj pri la aŭtoroj, fine de la libro estas iliaj fotoj. Jen kion skribas en la antaŭparolo la kompilintoj:




*"En Rusio estas multaj literaturemaj esperantistoj, sed precipe ili okupiĝas pri poezio. Ili verkas kaj eldonas ĉiaspecajn poemkolektojn relative multe kaj ofte. Tio estas bona por evoluigi nivelon de la lingvo, por Esperanto-kulturo, sed... Ĉi tie estas tubero en la afero – poezion oni volonte verkas, sed multe malpli volonte legas. "Libron legu la verkisto" – ĉisenmorta slogano koncernas plejparte poezion. Averaĝa leganto preferas – ve al poetoj! – prozon. Kaj, kio gravas, prozo estas alia, samgrava piedo, sur kiu staras la menciita kulturo. Konsentu, ke stari sur unu piedo estas ne tro oportune!*

*Sed ŝajnas, ke pri esperantlingvaj prozaĵoj oni okupiĝas en Rusio multe malpli. Dum lastaj jardekoj aperis nur romanoj de M.Bronŝtejn. Ĉu vere prozo en la rusia parto de Esperantio ne ekzistas, krom la sola escepto? Malgraŭ ke inter nialandaj esperantistoj eĉ ekzistas verkistoj, kiuj regule publikigas prozaĵojn en la rusa (I.Naumov, A.Parfentjev)? Aŭ ĝi, la prozo, nur kaŝas sin ie en ombro?*

*Do, la iniciatintoj de la libro decidis kontroli, kiel reale aspektas la situacio. Ili kontaktis ĉiujn atingeblajn verkantojn kun la peto sendi siajn prozajn verkojn, laŭeble antaŭe ne publikigitajn kaj ne tro longajn. Kaj evidentiĝis, ke vere, en la ombro situas sufiĉe multaj interesaj aŭtoroj, kiuj meritas esti legataj. Temas kaj pri konataj nomoj en la literatura kampo, kaj pri tute novaj. La tasko eligi prozan kreivon de la rusiaj esperantistoj el ombro, kaj prezenti por vi, plenumiĝis sukcese. En la libro estas prezentitaj plej malsamĝenraj tekstoj – realismaj kaj postmodernismaj rakontoj, rakontoj-konfesoj, fabeloj, eseoj kun impresoj pri ĉiutaga vivo. Oni*

*havos multon por legi!*

*Ni esperas ankaŭ, ke la libro stimulos ĉiujn verkemulojn turni sin al proza kreado kaj evoluigi siajn talentojn – en ĉiuj ĝenroj kaj formoj!"*

Ĉi-sube ni publikigas prozaĵon el la kolekto "El ombro". (bedaŭrinde pro malatento de la kompilintoj en la libro aperis frua versio de la teksto; ĉi tie la aŭtoro prezentas la ĝustan version).

---

## Viktor Aroloviĉ

### *Alfabeta retroskopo pri studenta vivo*



*Dediĉe al miaj samgeneracianoj – esperantistoj de la 1960-aj jaroj*

Abiturientoj are atendas akceptan anoncon.

Baldaŭaj bezonoj – busa bileto bazaren.

"Cigaredojn – cindrujen, cerbojn – centren, celoj cedu! Ĉu ĉiuj ĉeestas? Donu difinon de duobla dinamika diferencialo!" "Estas energetika ekvacio, egaliganta eksponencialojn…"

Filologia fakultato festas. Granda grupo gaje gitarkantas. Ĝisnokta ĝenerala ĝuado ĝardene. "Hej, homoj, helpu: huliganoj!" ... Ĥirurga ĥalato.

Ie iu iun intime incitas…

Jam januaro, jarŝanĝa jubilado! Ĵonglistoj, ĵokeoj, ĵurnalista ĵazbando.

Komunloĝejo: kazernaj koridoroj, kuirejaj konversacioj, kolektive konsumata kolbaso. Lampa lumo, laciga longnokta ludado. Mono malgajnita – morgaŭ mi malsatos.

Nefreŝa nutraĵo – naŭzo – necesejo…

Oni observas oscilografon, okazas ordinara optika ondado.

Polikliniko plenas – povraj pacientoj... "Rinito, reŭmatismo, radiklito; rentgenoskopiu renojn!"

Skandalo: studfine senmensiĝinta studento suicidis…

Ŝatokupoj: ŝako, ŝaradoj, ŝnuregtirado.

Tradicia Tatiana Tago: teatraĵo, teumado, televida teamo. Universitato unuigas unikajn ulojn!

Vendejoj: vulgaraj varoj, viandaj vicoj…

Zenito: zamenhofaniĝo!